IXª jaro. Nº 141 (5) ☆ Duonmonata ☆ 20 Marto 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . . . . . . 2. — Sm. (5 fr. —)
Luksa eldono . . . . . . . . . 2. 50 Sm. (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 20 Sd. (50 ct.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 16 Sd. (40 ct.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . 20 Sd. (50 ct.)

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## Psikologio de la kinematografo

Por multaj kleraj homoj la sukceso de la kinematografo ŝajnas io nekomprenebla: ili malŝatas tiun popolan teatron, kies melodramoj kaj maldelikataj burleskaĵoj ofendas ilian guston. La vero estas, ke oni al ĝi precipe riproĉas, ke ĝi estas arto de reproduktado. La delikataj homoj ne multe ŝatas tiujn procedojn, ili ne volonte komprenas, ke la fotografado volas konkuri kun la desegnado aŭ la fonografo kun la kanto. Tial oni ofte ne konfesas la plezuron, kiun oni iafoje havas ĉe la kinematografejo. Mi konas pli ol unu faman literaturiston, kiu ŝatas tiajn spektaklojn, sed ilin vizitas kaŝe.

Mi dezirus provi klarigi tiun novan guston kaj serĉi ĝiajn kialojn.

* * *

La kinematografo estas samtempe multaj aferoj. Unue, informilo, kiam ĝi montras nekonatajn landojn, vivantan straton de Japanujo, hindan loĝejon; kiam ĝi rakontas freŝan okazintaĵon, ĝi al vi donas pri ĉiuj tiuj temoj tian impreson de realeco, kian povus liveri nenia alia reproduktado. En tiu senco ĝi estos nekomparebla historia informilo.

Ĝi instruas pri temoj, kiujn ordinare ne povas observi la publiko: mallongigante la tempon ĝi vidigas la movojn de floro, la disvolviĝon de planto. Ĝi montras la malgrandegon, la svarmadon de la mikroskopa vivo, de la mikroboj. Pli simple, ĝi permesas rigardi, kiel vivas la bestoj, iliajn kutimojn, iliajn farojn, ilian agadon, la manieron laŭ kiu ili nutras sin kaj batalas. Tiuj scenoj jam ne estas io elementa. Kiam oni ĉeestas sovaĝajn batalojn inter du malsamaj bestspecoj sub la trankvila akvo, certe estas, ke tio tuŝas la senton kaj elvokas la pripensemon de la rigardanto, eĉ la malplej inklina al la naturfilozofio.

Ĉiuj tiuj reproduktoj de scenoj, kiujn ni ne povas ĉeesti, estas la propra kampo de la kinematografo. Mi ne scias, ĉu tio estas arto, nek en kiu fako oni povas klasigi tiujn spektaklojn, sed ili estas interesaj, instruaj kaj sugestas certan pripenson.

Per la drampecoj, la kinematografo fariĝas vera teatro. Speciala teatro ĝi estas, unue pro la fotografaj artifikoj, kiuj permesas reprodukti nerealajn scenojn. Oni tiel povas laŭvole aperigi aŭ malaperigi personojn, plenumigi de ili farojn neeblajn en la ordinara vivo, suprenirojn, falojn, batalojn. Tie ĉi estas kombinoj, kapablaj traduki la plej fantaziajn kaj diversajn imagojn. Sed ni konfesu, ke ĝis nun oni per tiuj rimedoj realigis nur sufiĉe naivajn scenojn.

La kinomatografa projekcio havas super la teatro tiun preferon, ke ĝi al la publiko montras scenojn, pejzaĝojn, estaĵojn, kiuj ne povus esti prezentataj sur la teatra scenejo. Ĝi sola povas aperigi aŭtentikajn dekoraciojn, ekz. vilaĝon ĉe la Riviera, straton en Londono, arbaron en Fontainebleau. Tiuj pejzaĝoj havas ofte mirindajn kolorojn kaj lumojn, kontraŭ kiuj la talento de la teatraj pentristoj ŝajnas tre malvarma. En tiu ĉi okazo, la kinematografo estas vera, kaj la teatro artefarita.

Sur la kinematografa ekrano oni povas prezenti spektaklojn nerealigeblajn ĉe la teatro, ĉu pro ilia danĝero, ĉu ĉar la sinsekvado de la bildoj estas tro rapida por la teatra maŝinaro. Tiel, oni multe kombinis fantaziaĵojn, kiuj tre amuzas la popolan publikon, kiel perŝekuto tra multegaj baroj sinsekve renversataj. Verdire, tiuj elementoj estis uzitaj precipe en bildoj de sufiĉe naiva arto, sed ĉe tiu speciala teatro oni devas konsideri pli multe tion, kion ĝi povos liveri, ol tion, kion ĝi faris ĝis nun.

* * *

La kinematografa reproduktado plaĉas unue en la mezuro, laŭ kiu ĝi kiel la fotografaĵo estas reproduktado, t. e. nekutima aspekto, kiu instigas la interesemon. Per tio la fotografaĵo de iu kara kaptas la atenton. Estas ankaŭ alia elemento. Pentrita pejzaĝo allogas kaj tamen oni povas ĝin vidi en la natura realeco. Sed la kinematografo ankaŭ elektas, kaj artiston povas riveli. Kiel la aliaj artoj ĝi do estas intelekta esprimilo; tial ni povas esti pli interesataj de kinematografa pejzaĝo ol de vera pejzaĝo, same kiel pentritaj arboj eble pli retenos nian atenton, ol la ĝardeno kiu servis kiel modelo.

Sed la reproduktado aliigas la trajtojn de la personoj? Tiu malfacilaĵo fariĝis profito, ĉar ĝi trudis severan elekton de aktoroj. La plej belaj virinaj vizaĝoj vidiĝas ĉe la kinematografo, ĉar nur la plej puraj, la plej agrablaj, povas batali kontraŭ la aliigoj de la ekrano. La virina beleco estas en ĉiuj filmoj, precipe de usona deveno, la ĉefa allogo.

La parolo mankas, kaj la kinemadramo estas mimiko? Sed la mimiko estas lingvo — kiu kvankam malpli intelekta ol la parola lingvo — estas tiel emocia. Ni ne forgesu, ke, kiel la gesto, la parolo estas nur signo. Ĝi pli ol la aliaj utilas por esprimi pensojn, sed ne por esprimi sentojn. Per la gestoj oni ne povas klarigi matematikan problemon, sed oni povas traduki la plimulton de la moralaj problemoj. La teatro estas arto de emocio, de pasio. La mimiko, kiu estas la esprimo de l'sento, fariĝas pli esprimokapabla kiam ĝi estas sola; ĝi akriĝas, kiel la palpado ĉe la blindulo. Tial la kinemadramoj estas ofte pli emociaj, ol teatraĵo.

* * *

Fine, por ĉiuj observemuloj, la kinematografo estas tre supera je la ordinara teatro. Mi konfesas, ke mi estas ofta vizitanto de tiaj spektakloj, kiuj prezentas al mi vastan kampon de observado. Tiuj kinemadramoj, verkitaj en ĉiuj landoj, sufiĉe precize informas pri la diverslokaj kutimoj, antaŭjuĝoj, sentoj kaj medioj, se oni flanke lasas la konvenciajn rimedojn de la artistoj kaj de la enscenigo. Oni tiam konatiĝas kun la popola animo, usona, franca aŭ itala. Kiom da informoj, kiom da instruoj! La amo en la italaj filmoj aperas malluma, tragedia, senhezita, ŝvebanta super ĉiuj leĝaj konvencioj; male, en la usonaj filmoj ĝi estas io pli intelekta, submetata al la kolektiva organizo kaj formanta regulan elementon de la socia vivo.

Plej interesa estas la esprimado de la emocioj, kiu estas la universala lingvo per kiu ĉiuj homoj interkomunikas. La kinematografo estas la plej vivanta ikonografio de la rideto tra ĉiuj popoloj. Komedio ludata de japanoj en ilia medio pli instruas pri iliaj sentoj, ol ĉiuj priskriboj. En tiu senco plej karakterizaj estas la filmoj, kiuj prezentas tre difinitajn kaj specialajn mediojn. Kontraŭe, la grandaj civilizitaj centroj prezentas al ni bildojn, kies simileco aperigas al ni la mondon kiel io malgranda. Tian straton, je miloj da kilometroj, ni vidas en nia kvartalo. Tiajn vestaĵojn ni ankaŭ vidas ĉirkaŭ ni. Tiu unuformigo, kiu per la eksteraĵo alproksimigas la popolojn antaŭ ol ilin alproksimigi per la internaĵo, estas ne malpli interesa.

Pro ĉio tio la kinematografo fariĝas arĥivo de historio, de sociologio, de okazintaĵoj, de teatro, kiu al niaj nepoj ŝajnos tre kurioza. Ĝi estas io alia ol la teatro, kiun ĝi malgraŭ sia malkareco kaj facila instalo ne detruos. Sed — krom ĝia informa kaj instrua rolo — ĝi estas arto pli reala pro la dekoracio, pli potenca pro la emoçio, kaj sekve pli ĝenerala, ĉar ĉiuj — kleraj aŭ ne — ni proksimiĝas unu al la alia per la sentoj kaj la pasioj.

Ĝi sendube estas la morgaŭa simpla kaj sinteza teatro, popola kiel la Sofokla teatro, socia por traduki la modernan verkiston. Sed neniu dramverkisto sciis ĝis nun trovi la formon, kiu perfekte adaptiĝas al tiuj novaj ecoj.

D-ro *Toulouse*
Trad. *A. R.*



# SOCIA VIVO



## Impresoj el Ruslando

III

Kiam la konduktoro sciigis, ke ni proksimiĝas al Moskvo, mi eksentis strangan senton de atendado — mi estis ekvidonta urbon, pri kiu mi ofte revadis, kiun delonge mi deziris vidi. Mi rigardis elfenestre. Ĉirkaŭe nur arbaroj, vilaoj — supozeble someraj restadejoj de Moskvanoj — kaj poste la arbaro maldensiĝis, ĝis el matenaj haladzoj eliĝis kelke da orkovritaj kupoloj. La vagonaro malrapide enveturis en la malnovan staciejon, kiu tiutempe estis rekonstruata — ĉie bruo, laboristoj, vojaĝantoj, amasego da produktaĵoj preparitaj al envagonigo. Tra longa vico da malpuraj koridoroj mi eliris el la stacidomo kaj ektroviĝis en la strato de l'urbo, kotokovrita, pavimita per ovalaj ŝtonoj, sur kiuj nealkutimiĝinta iranto preskaŭ la piedojn vundis. Mi luprenis izvozĉikon por 60 kopekoj kaj veturis al Novinskijbulvardo, al Maly Devjatinski pereulk. Scivole mi rigardadis al ĉiuj flankoj — sed mi vidis nur mizerajn dometojn, malzorge blankigitajn, mi vidis kotokovritajn stratojn, malaltajn trinkejojn, malbonaspektajn traktiry (gastejoj), multe da preĝejoj kaj ĉasovni (kapeloj). La homoj malpuraj, ĉifonvestitaj, viroj kun longaj barboj, plene da izvozĉikoj kun malgrasaj ĉevalaĉoj. Bela domo moderna nenie videbla, tiajn stratojn purajn kaj belaspektajn laŭ nialanda gusto oni vane serĉas — kaj tial oni estas iom malĝojema en la „Moskvo-patrino". Tio estas Moskvo, pri kiu ĉiu ruso parolas kun entuziasmo? La unua impreso, kiun mi eksentis en Moskvo, estis plena seniluziiĝo.

D-ro *J. Hostovsky.*
Trad.[1] *Ovybro* (Praha).

---

## La dudekkvar-hora tempdivido

En Germanujo, Aŭstrio kaj Svisujo, estas nun elmetata la demando pri la enkonduko de la 24-hora tempdivido en la horlibroj. Tiu reformo estas jam enkondukita en Belgujo, Francujo, Hispanujo kaj Italujo. Oni ĝenerale konsideras ĝin kiel progreson. Tamen, estas interese raporti ankaŭ la opinion de la kontraŭuloj de tiu sistemo. La ligo de la horloĝistoj en Bohemujo esprimis tian opinion en artikolo, kies ĉefajn partojn ni tradukis.[2]

* * *

La ŝtata fervoja konsilistaro en Aŭstrio akceptis proponon, laŭ kiu la ministerio por fervojaj aferoj estas petata, konsideri la enkondukon de la 24-hora tempdivido en la horlibroj de la internaciaj interrilatoj anstataŭ la nuna tempdivido en tag- kaj nokt-horoj kaj proponi unuecan reguligon de ĉi tiu demando al la internacia horlibro-konferenco.

La ministerio konsentis principe pri la enkonduko de ĉi tiu 24-hora tempdivido. Antaŭ ol plue okupiĝi pri ĉi tiu afero — ĝi interrilatis kun interesataj rondoj kaj ekzamenis ĉu la efektivigo de ĉi tiu aranĝo ne kaŭzus eble gravajn

---

[1] El *Samostatnost.*
[2] El *Natur & Kultur*, München.

malfacilaĵojn en poŝtaj kaj navigaj interrilatoj, kaj eventuale ankaŭ en aliaj fakoj de la publika vivado. Sekve de tio la ministerio por komercaj aferoj turnis sin al la komercaj kaj metiaj ĉambroj proponante, ke ili esploru la opiniojn de la interesataj rondoj. La komercaj kaj metiaj ĉambroj ree turnis sin al la kompanioj, sed oni ignoris la plej gravan, nome demandi ankaŭ la fakajn rondojn pri la teknika efektivigo de ĉi tiu novaĵo.

La enkonduko de unueca tempo, ĉe kiu estas signata ĉiu horo de la tago per alia cifero, estas treege grava por sciencaj, industriaj kaj metiaj rondoj. Pro tio la enkonduko de la 24-hora tempdivido estus treege salutinda. La intencita novaĵo certe alportus ĉi tiun profiton, sed ĝi samtempe ankaŭ montras tutan serion de malprofitoj, kiuj plene kompensas la utilon de ĉi tiu reformo, sed kiuj krome ankaŭ kreus neklarecon, konfuzon kaj necertecon.

La reformo de la horlibroj ne povas esti efektivigata laŭ la nova tempo ne tuŝante la teknikon de la horloĝo. La horloĝo kiel tempmezurilo devus konformiĝi al ĉi tiu reformo kaj montri 24-horan tempdividon sur la ciferplato, ĉar la konservado de la 12-hora horloĝo neniam harmonius kun la enkonduko de 24-hora tempo en la horlibrojn. Sen 24-hora horloĝo, la 24-hora tempo postulus de la publiko tre grandan atenton kaj multe da kalkuloj, kio estus ne nur longedaŭra, sed certe ankaŭ kaŭzus multe da eraroj kaj konfuzoj. La propono, aliformigi la ciferplatojn tiamaniere, ke la ciferoj de 13—24 lokiĝus sur dua rondo ne estas kontentiga solvo de ĉi tiu demando. La ciferplato ĉiuokaze perdus la evidentecon, se la ciferoj de 1—24 estus aranĝitaj sur unu aŭ du rondoj, kaj ĉe kelkaspecaj horloĝoj por sinjorinoj ĉi tiu ŝanĝo verŝajne ĝenerale ne povus esti efektivigata. Eĉ pro la nura specialeco de la ciferplato la intencita reformo malsukcesus; ĉar plimalgrandigo de la ciferoj por la tempmezuro je la duona spaco ŝajnas tiel nekonvena, kiel daŭra interŝanĝo de la ciferplato post ĉiufoja paso de 12 horoj. En la vico de 1—24 estas 15 duciferaj nombroj; kiom da eraroj tio devas kaŭzi!

La publikaj horloĝoj same montrus pro la kovrado de la ciferplato kun 24 ciferoj grandan necertecon. Rigardante ordinaran turhorloĝon kun ĝiaj 12 ciferoj oni — sen bezono diferencigi eĉ la ciferojn — per nura helpo de la angulpozicio de la montrilo ankoraŭ sufiĉe bone diferencigas, kioma horo estas; sed se oni imagas almetitajn al la sama ciferplato ankoraŭ 12 ciferojn, preskaŭ nenia libera spaco plu restas kaj la ciferoj ne estos diferencigataj unu de la alia. Plue estas konsiderinde, ke parolturnoj kiel ekzemple: estas duono post la 20ª k. t. p. ŝajne estus tre neoportunaj al la parolmaniero kaj akordiĝus kun nenia kalkuladsistemo. Ankaŭ la sonado ĉe la turhorloĝoj estus tute stranga afero. La sonado de 24 horoj, precipe se ankoraŭ estus eksonotaj la kvaronhoroj, okazigus dumnokte daŭran sonoradon kaj prezentus veran maltrankviligon, ne parolante jam pri tio, ke la sonormekanismo devus plenumi pli ol duoblan funkciadon.

Estus tre utile, se oni povus forigi la difinon „tago“ kaj „nokto“ el la publikaj interrilatoj; tamen la utilo de la enkonduko de la 24-hora tempo certe ne estas tiel grava, ke ĝi egaligus la rezultantajn malbonaĵojn nur minimumajn. La fina rezultato de ĉi tiu reformo, al kiu la publiko certe ne alkutimiĝus, estus konfuzo, neevidenteco kaj neklareco, kaj la el tio rezultantaj konfuzoj estus nemezureblaj. Oni ĝuste atingus la malon, kion oni intencas celi. En Italujo same estis enkondukata la 24-hora tempo kaj ekzistas pruvoj, ke ĉi tiu reformo malsukcesis. Sola urbo en Italujo konservis ĉe la turhorloĝo la reformitan ciferplaton, kiu montras la ciferojn ĝis 24, dum oni krom tio ĉie revenis al la malnova tempdivido. Ankaŭ en Belgujo oni ne estas tre kontenta pri ĉi tiu tempdivido, kaj se ankaŭ kelkaj gazetoj raportas, ke ĝi estas utila, tamen ĉi tiuj sciigoj ĉiam prezentas sin tre timeme kaj malmulte kredinde. Privataj informoj el ĉi tiuj ŝtatoj pruvas, ke neniu kontentiĝas pri la nova tempreformo, ĉar ĝi estas nekutima kaj krom tio ankaŭ nepraktika kaj konfuziga.

Cetere la 24-hora tempdivido ne estas novaĵo. Ĝis la 16ª jarcento ĉiuj ciferplatoj estis dividitaj en 24 horoj; el tio devenas la nomigo: „Kompleta Horloĝo“. Tiaj horloĝoj ofte havis ĉiuflanke ciferplatojn. Jam tiam oni komprenis, ke la aranĝo de la 24 horoj sur sola rondo efikas konfuzige pro la troa proksimeco' de la ciferoj kaj ne estas oportuna por uzado kaj lingvo.

Ke la divido de la tago en 24 horoj estas ĉiumaniere konfuziga, pruvas la fakto, ke la imperiestro Rudolfo IIª ordonis jam en la 1581 la dividon en dufoje 12 horoj. Tiu ĉi fakto altrudis al ĉiuj la supozon, ke la du plej grandaj tiamaj astronomoj: Tycho de Brahe kaj Johano Kepler, (la eltrovinto de la leĝo de la planeda movado) vivintaj ĉe la kortego de Rudolfo IIª en Prago, precipe inspiris la imperiestron, ke estis efektivigata la aliformigo de la 24-horaj ciferplatoj. La historio instruas, ke la imperiestro pli okupis sin pri tiuj ambaŭ scienculoj ol pri siaj regadaj aferoj.

Se oni intencus serioze pritrakti logikan tempreformon, la decimala tempo estus la plej konvena reformo. Ĉe la decimala tempo neniam ripetiĝus tagaj kaj noktaj horoj. Ĝi enordiĝus en la decimalan sistemon, laŭ kiu oni ankaŭ nuntempe mezuras monerojn, mezurilojn kaj pezilojn. Ĉiuokaze nur la tempreformo laŭ la decimala sistemo ebligus krei radikalan reformon kun plena klareco, simpleco kaj certeco. Per enkonduko de la decimala tempo, al kiu diversaj internaciaj kongresoj ne estis malfavoraj kaj kiu estas konsiderata de flanko de la astronomio kiel la sola rimedo al alkonduko de internacia tempdivido, estus atingita la celo, ke ĉiu horo havu apartan ciferon. Samtempe oni ankaŭ havus aliajn sennombrajn grandegajn profitojn por sciencaj, industriaj komercaj kaj metiaj rondoj.

* * *

La tradukinto estus feliĉa, se la legintoj esprimus siajn opiniojn pri la priparolita demando; precipe la belgaj, francaj kaj italaj samideanoj estas petataj, ke ili bonvolu sciigi pri siaj spertoj rilate al la enkondukita 24-hora divido.[1]

*H. Tressel* (Del. München).

## La problemo de Atlantis

III

Tie ĉi mi ne povas detale priskribi la abundegajn materialon kaj pruvaĵojn, kiujn mia avo pri Atlantis amasigis, kaj mi tie ĉi publikigas nur la finon de unu dokumento:

„Unu tabulo el miaj Trojaj elfosaĵoj pritraktas la kuracistan praktikon de l'Egiptaj pastroj, rilate la ĥirurgian forigon de katarakto[2] kaj de internaj ulceroj. (Kreto kaj

[1] Kia ajn estas la elektota solvo, ŝajnas ĉiuokaze dezirinde, ke ĝi estu internacie alprenata. Se ne, la uzado de la horlibroj por internaciaj rilatoj fariĝos ankoraŭ pli komplika ol antaŭe. Ekz., mi loĝas en urbo tre proksima al Francujo, kiu havas la okcidentan horon kaj la 24-horan tempdividon dum mia lando (Svisujo) uzas la mezeŭropan horon kun la malnova tempdivido. Rezultas el tio, ke la multaj personoj devigataj konsulti la francajn horlibrojn devas, unue transformi la horon laŭ la 24-divido en horon laŭ la 12-divido, poste tiun ĉi lastan en la mezeŭropan horon. Ekz.: 21 h en Francujo = 9 h. vespere en Francujo = 10 h. vespere en Svisujo. Tio estas nek rapida, nek oportuna. *(Red.)*.

[2] Katarakto (medicina termino) = malklariĝo de la okula lenso kaŭzanta blindecon.

Egiptujo dum jarcentoj interrilatadis reciproke.) Similan al tiu ĉi formulo mi legis en hispana manuskripto, kies verkinto ĝin aŭdis de iu Meksika Azteka pastro, kiu siavice ĝin ĉerpis el manuskripto „Maya"-a. Ĉar miljarojn antaŭ la Aztekoj la potenca Yucatana popolo „Maya" regadis en Meksiko."

„Celante fini miajn konkludojn, mi devas memorigi, ke nek la Egiptoj, nek la Maya-oj estis lertaj ŝipistoj. Ili ne posedis ŝipojn, per kiuj ili estus provintaj transveturi la Oceanon Atlantikan. Ankaŭ la Fenicianoj ne formis veran interligon inter la ambaŭ duongloboj. Tamen la Egipta kaj la Maya-a civilizacioj estas tiom similaj, ke estas vere ne eble ĉi tion konsideri nura hazardo. Tiaj hazardaj koincidoj ekzistas nek en la historio, nek en la naturo. Ties sola, unika klarigo estas, ke iam potenca kontinento kunigis Amerikon kaj Eŭropon. Tiam, kiam en Eŭropo kaj Ameriko vivis ankoraŭ monstroj, kaj en Afriko loĝis verŝajne simioj similantaj rason de negroj. Sed en tiu malaperinta kontinento floradis tia civilizacio, kiu estis pli altgrada, ol ĉiu nuna. Tiu ĉi kontinento estis „Atlantis", kaj el tie ĉi devenis ĉiuj kolonioj, kiuj disvastiĝis kaj igis loĝataj Egiptujon kaj Mezamerikon."

* * *

Mi konvinkiĝis, ke la problemo estas vere serioza, malgraŭ tio, ke mia avo postlasis tiajn admirindajn pruvajojn, pri kiaj oni eĉ ne povis sonĝi. Troviĝis ankaŭ aliaj notoj kaj informoj rilate la materiajn pruvojn en la Paris'a sekreta deponejo, krom tio mi havis severajn instrukciojn pri la sekretigo de l'materialo ĝis tiam, kiam mi estos fininta miajn esplorojn.

Ses jarojn mi laboradis seninterrompe en Egiptujo, en Mez- kaj Sudameriko kaj en ĉiuj arĥeologiaj muzeoj de la mondo. Mi malkovris Atlantison, mi pruvis la ekziston de tiu ĉi granda kontinento, kaj mi konstatis nepridubeble, ke el tie ĉi devenas ĉiu civilizacio de l'mondo.

Dum miaj esploroj kaj studadoj mi principe retiriĝis de ĉiuj, por ke nek la reprezentantoj de revuoj, nek la gazetraportistoj povu min atingi kaj la scivolemo de l'publiko ne povu min ĝeni en mia laboro. Kaj la saman principon mi sekvos, ĝis kiam mia libro estos aperinta. Pro tio mi interrilatos nek kun la gazeto, nek kun ia ajn ekspedicio scienca. Tamen mi estas ema cedi al la alvoko de l'gazeto „New-York World", malkaŝi la sekreton de mia fama avo kaj komuniki kelke da faktoj, kaj raporti la kialon, pro kio mi min nomas malkovrinto de Atlantis. Mi rakontos, kio okazis post kiam mi tralegis la dokumentojn de Henriko Schliemann.

Senprokraste mi forveturis Parizon por trastudadi la sekretan kolekton.

La strigokapa vazo estis unika maloftaĵo en sia speco de ekstrema praorigino kaj estis provizita je la, jena subskribo: „De Ĥronos, la reĝo de Atlantis." Dum kelke da tagoj mi ŝanceliĝis ĝin disrompi, ĉar mi ankoraŭ ĉiam opiniis, ke la plej lasta letero de mia avo estas eble produkto de neklara spirito, influita de morto alproksimiĝanta. Sed kial do, kiucele mi devas ĝin disrompi, ĝi ja ŝajnas esti tute senenhava? Kaj mi ankaŭ nun ne scias ankoraŭ, ke mia avo ie sciiĝis, ke oni devas ĝin disrompi. Li verŝajne trovis en Hissarliki pliajn samajn vazojn disrompitajn. Povas esti, ke li konservis tiun ĉi plej lastan tiucele, ĉar li sentis, ke li nepre devas ĝin konservi kiel absolutan pruvon al tiu, kiu estos ema daŭrigi sian verkon. Time mi skribas ĉi tion, ĉar ĝi aspektas romantika, kaj estas tamen vera realaĵo.

Fine mi disrompis ĝin. Surprizita mi rimarkis, ke el la subaĵo de l'vazo elfalis arĝenteca, kvarangula metalpeco, provizita je fremdaj figuroj kaj tia surskribo, al kiu similajn literojn aŭ hieroglifojn mi ankoraŭ neniam vidis. Tiel aspektis unu flanko de l'medalo aŭ monero. La alia estis provizita je jena surskribo skribita per Prafeniciaj literoj: „Eldonita en la templo de l'Travidebla muro." Kiamaniere la medalo estis enigita en la vazo? Mi ne scias. La kolo de l'vazo esti multe pli mallarĝa, ol ke ĝi estus estinta enigebla tra ĝi. Sed ĝi estis tie, fiksita en la argilo de la fundo de l'vazo kaj 'mia avo verŝajne sciis, ke ĝi troviĝas tie.

Se la vazo devenas el Atlantlis, tiam ankaŭ la medalo originas el tie. Tamen miaj ekzamenoj pruvas, ke la feniciaj literoj estis surskribitaj sur la vazo nur poste, kiam la medalo forlasis la monerstampilon. Tio ĉi ankoraŭ nun estas mistera al mi.

Krom tio mi trovis en la kolekto pliajn objektojn tiajn, pri kiuj mia avo asertas, ke ili devenas el Atlantis. Ekz. ringon el la sama kurioza metalo, kiel la medalo. Poste strangforman elefanton el ŝtoniĝinta osto, unu tre antikvan vazon kaj aliajn objektojn, pri kiuj mi nune nenion volas diri. Tiu geografia karto, laŭ kiu la egipta ŝipestro serĉis Atlantison, troviĝis ankaŭ tie. Ĉi tiujn objektojn mi konservas por mia libro, krom tio, laŭ la ordonoj de mia avo, mi nun eĉ ne povas paroli pri ili. La striga vazo, la pravazo, la bronza vazo kaj la ringo estis provizitaj je Feniciaj surskriboj. La elefanto kaj la medalo ne.

Mia avo notis, ke unue mi dediĉu mian atenton al esploroj de l'ruinoj de l'Saisa templo kaj al tiuj de l'valo Chucuna en Ameriko. Unue mi iris Egiptujon kaj esplorfosadis en la ĉirkaŭaĵo de l'ruinoj Sais-aj. Longtempe vane mi laboradis. Mi ja trovis interesajn, antikvajn, ceremoniajn kaj astronomiajn ilojn, sed neniun postsignon de tio, kion mi bezonis.

Sed foje mi konatiĝis kun Egipta ĉasisto, kiu montris al mi sian medalaron, kiun li trovis en proksima sarkofago. Kiu povas priskribi mian surprizon, kiam mi en la kolekto rimarkis du identajn, tute samajn medalojn, kiajn mi trovis en la Troja vazo! La figuroj ne estis tiel klaraj kaj detalaj kaj ankaŭ ilia surskribo ne estis kompleta, sed sendube havis la saman originon, kiel la miaj. Mi akiris ilin de l'ĉasisto kaj esploris la sarkofagon. Mi konstatis, ke ĝi apartenis al iu pastro el la unua dinastio. Ion alian, kio min interesis, mi ne trovis.

Sed tamen estis sufiĉe da rezultato de l'esploro. Jen estas la vazo de Troja, pri kiu mia avo asertas, ke ĝi devenis el Atlantis. Jen estas du aliaj identaj medaloj el la sarkofago de pastro el la unua dinastio, el la Sais-a templo, kiu gardadis la Atlantisajn memorajojn kaj kies pastro rakontis al Solon la historion de Atlantis. Tiun ĉi templon konstruis tiu filo de Atlantis, kiu forkuris kune kun la filino de Ĥronos, de tiu sama Ĥronos, kies nomo troviĝas en la surskribo de l'vazo el Hissarliki. En tiu ĉi vazo troviĝis la medalo. Kion konkludi?

*(Daŭrigota.)* Trad.[1] *St. Schulz* (Del. Kassa).

## Nuntempaj herooj

Virino, ne scianta la teruran tragedion, veturas tra la sudpolusaj maroj, serĉante sian edzon. Edzino de Scott vojaĝas kun la koro plena de espero kaj samtempe de turmenta dubo. Kaj mi pensas: la blankeco de la gipso, kiun ŝi, lerta skulptistino, laboris en la fidplenaj horoj, kaj la blankeco de la malproksimaj neĝoj, kien flugas ŝia penso devas pentri per la sama koloro la sonĝojn de ŝiaj febraj noktoj. Kaj du sonĝoj konfuziĝas: iras la kuraĝega ŝipestro

[1] El gazeto *Pesti Hirlap*.

tra la senfinaj senhomejoj, lia kapo tuŝas la nubojn, lia pugno enhavas la fatalon: la vidaĵo malaperas kaj en la silenta dezerto stariĝas grandega tombo farita el aro da neĝo kaj el kruco de glacio. La senfadena telegrafo, la granda eltrovaĵo kredita komenco de feliĉeco por la homaro, diros al la vaganta vidvino sur la fantoma ŝipo teruran vorton: Neniam! Kaj tie malproksime sur la blankaj polusaj dezertoj el ĉiu peco da glacio, el ĉiu ero da neĝo, blanka Morto rigardas per siaj viglaj kaj malfermaj okuloj; kaj malgrandaj viroj kovritaj per peltoj kaj tremantaj pro malvarmo klopodas trovi matematikan punkton, kie ne ekzistas alia signo de vivo ol la kriego de la uragano kaj la bleko de disperdita birdo. La kuraĝaj aventuruloj traveturas la marojn, tuŝas la bordojn de l'eterna neĝo: sekvas la fidaj hundoj, glitumas la veturiloj! Irado, kiu ne konas prokraston, ĉar nun sola momento de malsukceso signifas la finon. Antaŭen, antaŭen! Sub malĝojaj ĉieloj, tra uraganoj kaj neĝofaladoj, la tagoj sin sekvas. Ĉiu horo estas batalo, ĉiu tagiĝo espero. Jen la tiom dezirata momento! Oni starigas la nacian flagon inter la krioj de la viroj lacigitaj. La feliĉo de la fluganta tempero jam malaperas: terura leciono de la polusa sfinkso al la malgrandaj mortemuloj! Neniu pli bone ol Cook, esprimis la seniluzion de la triumfanta horo: „Ĉu tiu ĉi terpeco, sen vivo kaj sen beleco, estis la revo de miaj longaj jaroj?"

La tragedio de Roberto Scott estas tute plena de Shakespeara teruro. La ombro de la kontraŭulo malĝojigos de nun ĉiun paŝon de Scott. Ĉar tiu ĉi estis la celo: alveni la unuaj, sed la kvin Angloj alvenis, kiam jam unu monaton la flago de Norvegujo ventumis fiera kontraŭ la malvarmegaj ventoj de la Sudo. La angla flago, kutiminta ventumi sur la kvin kontinentoj trovis jam alian flagon, flagon de lando de fiŝkaptistoj kaj montaruloj! „Maristo Evans estis la unua, kiu mortis. Dua kapitano Oates..." La lastaj paĝoj de la „ĵurnalo" de Scott ŝajnas skribitaj per sango. La fino de Oates pli ol ago de angla „gentleman" estas la superega ago de la heroοj de ĉiuj tempoj. Pripensu, rigidiĝas al li piedo, glaciiĝas mano, poste alia piedo. Kaj li staras ankoraŭ. Membro post membro la tuta korpo enkadavriĝas. Kaj li marŝas. Nur unu membro batas fiere ankoraŭ: la malfeliĉa koro! Poste li klopodas savi la kunulojn: nokte, kiam la uragano kriegas per mil furiozaj buŝoj, li eliras la tendon: „Sinjoroj, dum kelkaj minutoj..," Kaj li iras puŝita per giganta forto al la blanka Morto, kiu premas lin al sia glacia brusto. Nur Shakespeare, kiu vidis reĝon Lear en la uragano, povus priskribi la lastajn momentojn de la mortonto sub la duonhelaj fajreroj de la polusa tagiĝo: nur Dante, kiu priploris la malfeliĉojn de grafo Ugolino povus elvoki per sia tragedia voĉo la lastajn horojn de la kunuloj. Ili marŝis ankoraŭ dum ok tagoj, sen celo, nur pro la fatala neceso de la marŝado. La Morto ridegis post iliaj ŝultroj. Ili starigis per kuraĝaj manoj la funebran tendon. La tragedia testamento estis skribita je 47 gradoj sub nulo. Plenuminte tiun ĉi lastan devon, ili kuŝis kaj atendis. La Morto eniris la tendon kaj ĉirkaŭprenis ilin en la blanka tolaĵo de la eterna neĝo!

D-ro *Arturo Ghez* (D. D. Trieste).

---

## Amerikaj pejzaĝoj kaj urboj

II

Rio-de-Janeiro senorde konstruata ĉe la bordoj de la golfo, surgrimpas aŭ ĉirkaŭiras pintajn montetojn. Jen la moderna Rio, kun la stranga arkitekturo de sia „Avenida Rio Branco": italstila palaco najbaras kun la kupoloj de bizantina baziliko. Jen Botofago, Beiramar kaj la multkoloraj ĝardenoj. Super ĉiuj eraroj de la bongusto triumfas la suno: la oro de l'bizantinaj kupoloj fajre brilas, la marmoroj de la italstila palaco ŝajnas diafanaj, kaj tiuj detaloj perdiĝas en la brilego de l'pejzaĝo. Ni tamen multe preferas la malnovan Rio, kun la portugalaj fasadoj tegataj de fajenco, kun la duonlumo de la „rua do Ouvidor", mallarĝa strato, kie nur piedirantoj povas marŝi, kaj kiun kontraŭ la suno protektas la domoj proksimaj unu de la alia.

La vagonaro supreniras ĝis Corcovado, la plej alta el la pintoj ĉirkaŭantaj la urbon. Sur ĉiu flanko de la vojo, staras la arbaro kun siaj lianoj kaj parazitoj. Ĉie akvo torente kuranta kaj falanta. La aeron balzamigas la parfumo de la tero malseketa. Sed kial oni neniam vidas sur la arboj birdojn kun brila plumaro? Kial oni neniam aŭdas ilian kanton?

Sub la Corcovado la aliaj montoj aperigas siajn pintajn aŭ rondajn suprojn. Violkoloraj rokoj ŝajnas pintoj de gotika preĝejo; grandegaj monolitoj aperas kiel malnovaj remparoj, kaj la montopintojn surgrimpas la helaj aŭ malhelaj masoj de la arbaroj. La maro estas glata. Gardanta la mallarĝan pasejon de l'golfo, la Sukerkonuso brilas je la suno kiel la ruĝaj tegmentoj de la urbo. Blankaj nuboj dormas super la blua akvo de la maro makulata de sennombraj insuletoj. Malproksime, la Serra do Mar profiligas siajn randodentaĵojn tra la malpeza vualo de la matenaj nebuletoj. Iom post iom la suno rigidigas la pejzaĝon en la meztaga senmoveco.

* * *

...La ŝipo ĵetis la ankron en la haveno de Montevideo. La golfo estas bela, sed kie estas la brilo de la brazilaj marbordoj? Tie, nenia arbaro, nenia mirinda pejzaĝo. Montevideo havas kolonian kaj hispanan akcepton. En la riĉaj kiel en la malriĉaj kvartaloj staras malaltaj domoj kun terasaj tegmentoj. Unu kontraŭ la alia, ankoraŭaj atestantoj de la hispana regado, la ĉefpreĝejo starigas sian duoblan sonorilturon, kaj la *Cabildo* la simplan kaj harmonian linion de sia arkitekturo. Al la brilega maro malsupreniras abruptaj stratoj.

En Montevideo vidiĝas puraj tipoj de kreoloj, kiel ni volonte ilin imagis. En la andaluziaj *patios*, la virinoj helevestitaj balanciĝas en la *mecedoras*, kaj je la fino de la varmaj someraj posttagmezoj ili ĉarme ornamas la fenestrojn kaj balkonojn. Ili eliras en fiakroj kaj vespere iras al la marbordoj de Pocitos kaj Ramirez. Tie, kiel ĉe la eliro de la preĝejoj dimanĉe, ili pasas inter du vicoj de viroj. Malgraŭ la aktiveco de la negocoj, Urugvajo estas lando de poezio kaj amo. La junuloj kutimas je la longaj fianĉiĝoj; ne malofte oni renkontas sur la trotuaro iun dragonon, kiu atendas la aperon de sia fianĉino ĉe la balkono; en la dolĉa nokto, favora al la romantikaj renkontiĝoj, estas interŝanĝataj la amĵuroj. Oni kredas sin transportata en la patrujon de Almaviva kaj Rosina, kaj oni miras ne aŭdi gitarsonon.

* * *

La ŝipo supreniris la ŝliman fluon de l'Rio de la Plata. Sur la larĝa enfluejo, la bordoj de Argentino, la grizaĵo de la grandega ebenaĵo sub la grizaĵo de l'vintra ĉielo, Buenos-Aires. La fierega civito staras kiel okcidenteŭropa urbego. Ĉiutage ĝi pligrandiĝas kaj ĉiutage ĝia loĝantaro pliriĉiĝas je multnombraj enmigrantoj. En la nun tro mallarĝaj stratoj premiĝas la piedirantoj, la tramoj, la veturiloj, la aŭtomobiloj. Tiu popolo konsistas el granda nombro de rasoj, kies kunfandiĝo nun estas okazanta. Ĉi tie nenia estinteco, nenia tradicio, sed kunigitaj aktivecoj kaj juna arda patriotismo. Ĉiuj okuloj rigardas al la estonteco. Buenos-Aires,

jam nun per sia loĝantaro la dua latina urbo en la mondo, eble celas fariĝi la unua.[1]

La riĉeco de la urbo ĉiuflanke montriĝas en la grandaj konstruajoj de l'„Avenida de Mayo“, en la publikaj monumentoj, en la palacoj de Recoleta kaj Callao, en la lukso de la magazenoj kaj de l'stratoj, en la beleco de la parkoj. En la daŭro de kelkaj monatoj tuta kvartalo falas, kaj sur ĝia loko naskiĝas la plantaĵoj kaj la bedoj de placo.

Kiel preskaŭ ĉiuj Amerikaj urboj, Buenos-Aires estas konstruata en la formo de dama tabulo. La stratoj trapasas la urbon de ekstremo al alia, kaj je regulaj interspacoj estas tratranĉataj de aliaj stratoj. Dum Rio dank'al sia diverseco, ĉe ĉiu paŝo surprizis la fremdulon, la Arĝentina ĉefurbo, tro regula, estas iom unutona.

La arkitektoj de Buenos-Aires estas cetere tre imitemaj. Kial en la „Avenida de Mayo“ ni retrovas la aranĝon de la grandaj parizaj bulvardoj? Kial en Palermo la veturiloj turnas en aleo, kie la palmarboj anstataŭis la akaciojn? Kial, proksime de la aleo de l'palmarboj oni retrovas la lagon de l'Pariza „Bois de Boulogne“, ĝian insulon kaj ĝiajn luksajn restoraciojn?

*(Daŭrigota.)* *Charles Lescas*
Trad.[2] *A. R.*

# NOTOJ

∴ **Esploroj de sveda sciencisto en Aŭstralio.** — Ĉe kunveno de la Reĝa Geografia Societo de Queensland D-ro Mjoberg priskribis la sciencajn ekspediciojn, kiujn li nun daŭrigas en Queensland. La talenta sveda sciencisto paroladis pri siaj elesploroj rilate al floraro kaj bestaro de Aŭstralio kaj la rapide malaperantaj kutimoj de la arbaraj praloĝantoj. Tial ke la plenaj rezultoj ne estos ordigitaj ĝis post kvar jaroj, kaj ke ili plenigos tri grandajn volumojn de la enskribaĵoj de la Sveda Akademio de Scienco, D-ro Mjoberg nur neplene povis pritrakti la temon, sed li promesis doni almenaŭ duan lekcion, kiam li estos kompletiginta siajn Queenslandajn esploradojn. Li anoncis, ke li kunportos kinematografan kamereton kaj espereble havigos al si moviĝantan bildon de enlandula ceremonia danco. Li jam havas kelke da unikaj senmovaj bildoj de meznokta danco kaj de nigruloj pentrantaj unu la alian prepare por unu el tiuj dancoj. D-ro Mjoberg ĉefe pritraktis siajn esplorojn en nord-okcidenta Aŭstralio, kie li trovis specimenojn de plimulto el tipa kreskaĵaro kaj besta vivo de la kontinento, kaj povis enpenetri la praloĝantajn vizitadejojn, kiujn ne antaŭe vizitis blankuloj. Tiel li povis studadi la sovaĝan nigrulon, kaj li havigis al si iom da valoraj fotografaĵoj, kiuj montras la praloĝantan metodon de enterigo kaj personajn specimenojn de vivantaj nigruloj. La gentanoj, kiujn li ĉefe studis estas beltaliaj kaj plejparte la viroj atingas altkreskon de 1,8288 metro. — Trad. *C. C. Dornbusch* (Del. Warwick).

∴ **Granda entrepreno en Kaŭkazo.** — Anglaj inĝenieroj komencis en intermonto Derjal, en Kaŭkazo, la preparajn laborojn por aranĝo de hidroelektra stacio, kiu provizos je elektra energio la pli grandan parton de Norda Kaŭkazo. La iniciatanto de tiu ĉi entrepreno estas angla inĝeniero-kapitalisto Charles Steward, kiu dum 1909—1910 traktis pri aĉeto de kuprominejo en tiu sama loko, sed, kvankam li ne aĉetis la minejon, li rimarkis, esploris kaj konstatis la eblecon uzi la kolosan energion de montega rivero Terek en Darjal intermonto. Estas trakonstruota malkovrita forkonduka kanalo de stacio Kazbek ĝis stacio Larso. Meze de la vojo, apud vilaĝo Gvileti, la kanalo havos akvofalon, kiu movos la provizoran hidroelektran stacion, kies energio estas bezona por pluaj prepar-laboroj. La kosto de tiu entrepreno estas proksimume 10 milionoj da Sm.; la laboroj daŭros 7 jarojn.

Oni ankaŭ intencas komenci alian similan grandiozan entreprenon en Erivana regiono, sur lago Gokĉa; la dua hidroelektra stacio utilos al la bezonoj de la Transkaŭkaza regiono. — *I. Seriŝev* (Del. Krasnij Jar).

∴ **Kongreso de Korpa Edukado.** — Internacia Kongreso de Korpa Edukado okazos en Paris de la 17 ĝis 26 marto 1913. Ĝi havos lokon en la Medicina Fakultato. La prezidanto de la Organiza Komitato estas D-ro Gilbert, profesoro de medicina kliniko; la ĝenerala sekretario estas P-ro Weiss, profesoro de medicina fiziko, ambaŭ membroj de la Medicina Akademio. La teoria parto enhavos pli ol dudek raportojn de kuracistoj, profesoroj de medicino, profesoroj de korp-edukado, instruistoj, kompetentuloj pri sportoj. Ekspozicio montros en siaj diversaj fakoj (arta, scienca, industria) modelojn de korpa beleco per desegnaĵoj, pentraĵoj aŭ skulptaĵoj, kaj aparatojn gimnastikajn kaj sportajn. La praktika parto enhavos elmontrojn de la diversaj metodoj de korpedukado. Ili havos lokon en la Vintra Velodromo kaj en Huyghens gimnastikejo. Partoprenos grupoj anglaj, belgaj, danaj, francaj, germanaj, svedaj, italaj, el kiuj la famaj: Militista gimnastika lernejo de Joinville-le-Pont; Fajrobrigado de Paris; Marista grupo de Leŭtenanto Hébert. Elmontroj de naĝarto estos farataj en la naĝopelvo de Aŭtomobila Klubo de Franclando. Okazos ankaŭ skermobataloj kaj eble angla kaj franca boksbatalo. — *C. Chandelliez.*

∴ **Rusa-Amerika komerca interŝanĝo en 1912.** — 1912 distingiĝis per notinda pligrandiĝo de eksporto de rusaj komercaĵoj al Usono. Antaŭ dek jaro la rusa eksporto en Amerikon atingis apenaŭ 3 milionojn da Sm., de 1902 ĝis 1907 ĝi kreskis ĝis 20 milionoj da Sm. kaj dum periodo 1907 ĝis 1912 ĝi atingis 65,800,000 Sm. ĉiujare. Bezone estas aldiri, ke tiu ĉi cifero determinas la koston de komercaĵo, eksportita senpere el Ruslando al Ameriko. Ekster tio Rusujo sendas ĉiujare trans oceanon per havenoj de Germanujo, Francujo kaj Anglujo komercaĵojn je 6—10½ milionoj de Sm. Sekve, rusa ĉiujara eksporto al Usono dum lasta dekjaro de 3—10½ milionoj da Sm. elkreskis ĝis 68—74 milionoj. „Moskva Amerikana Ĝenerala Konsulejo“ kiun trapasas ĉiuj fakturoj de l'komercaĵoj, direktitaj el Ruslando al Ameriko, tiun ĉi disvolvigon de la eksporto klarigas per la konstante pligrandiĝanta postulado de Usono je krudaj ledoj, malkaraj specoj de l'rusa lano kaj tuta vico de aliaj objektoj, kiuj estas nuntempe eksportataj el Rusujo en kvanto da 200 diversaj specoj. Kelkaj el ĉefaj objektoj de la eksporto, kiel kaviaro, estas eksportataj trans Germanujo, kaj dank'al tio ili venas en Usonon laŭ Germanaj fakturoj.

Aliflanke dum 1912 estas rimarkata pligrandiĝo de la importo en Rusujon de l'Amerikaj komercaĵoj. Antaŭ 10 jaroj Usono eksportis Ruslanden komercaĵojn je 53 milionoj da Sm. Laŭ informoj de „Moskva Amerikana Konsulejo“ Rusujo dum 1912 ricevis el Ameriko la komercaĵojn je sumo 165—190 milionoj da Sm. El tiu ĉi sumo la kotono havas parton da 105 milionoj da Sm. kaj la termastrumaj maŝinoj — 30 milionoj. — Trad. *E. M. Tiĥonov* (Del. Nikolaevskaja).

∴ **Transkaŭkaza fervojo.** — En marto 1912 la rusa registaro decidis konstrui fervojon tra Transkaŭkazo, dank'al kiu la vojo inter Tiflis kaj centra Rusujo estos mallongigata je 960 km. Tiu vojo multe simpligos la rilatojn inter Persujo kaj Azia Turkujo. Inter Vladikaŭkaz kaj Tiflis oni boros tunelon da 23 km. La linio povos esti ekspluatata post ok jaroj.

∴ **Xa Internacia Kongreso de komerca instruado.** — Tiu kongreso okazos en Budapest la 31 Aŭgusto ĝis 5 Septembro 1913. Antaŭe okazos trisemajna internacia kurso de komerca disvolviĝo, kiu estos dediĉata al Hungarujo (geografio, historio, terkulturado, industrio, komerco, publikaj servoj, financoj, socia ekonomio). Tiuj kursoj okazos alterne en franca kaj germana lingvo. Por ĉiuj informoj sin turni al S-ro D-ro Bela Schack, Apostol-utca 6, Budapest.

[1] Buenos-Aires havas nun 1.350.000 loĝantojn; ĝi do estas la dua latina urbo, post Parizo. Rio-de-Janeiro enhavas ĉirkaŭ 1.000.000 loĝantoj. Por kompletigi tiujn ciferojn, ni aldonas, ke Brazilujo entenas 22 milionojn da loĝantoj, Arĝentino 8, Urugvajo 1¼, Ĉilio 3½, Peruo 5. La loĝantaro de tiuj landoj rapide kreskas, precipe ĉe la tri unuaj pro enmigrado. — (Red.).

[2] El *„Revue d'Europe et d'Amérique“*.

# LITERATURO

FELIETONO

## La Suferoj de juna Werther

De W. v. GOETHE

Trad. *P. Usinger*

Jen eliris Minona en sia brilanta beleco kun rigardo mallevita kaj okulo larmoplena; peze fluis ŝia hararo en la vento ŝanĝiĝema, kiu puŝblovis de l'monteto. — Mallumo fariĝis en l'animo de l'herooj, kiam ŝi ĉarme ekkantis; ĉar ofte ili vidis la tombon de Salgar, ofte la malluman loĝejon de la saĝa Colma. Colma, forlasita sur la monteto kun la voĉo harmonia; Salgar promesis veni; sed ĉirkaŭe fariĝis nokto. Aŭdu la voĉon de Colma, kiam ŝi sidis sola sur la monteto.

*Colma.*

Estas nokto! — Mi estas sola, perdita sur la monteto ventega. La vento bruas en la montaro. La riverego brukriegas malsupren de la roko. Nenia kabano ŝirmas min kontraŭ la pluvo, min forlasitan sur la monteto ventega.

Ekiru, ho luno, el viaj nuboj! aperu, steloj de l'nokto! Gvidu min iu radio al la loko, kie ripozas mia amo post la penoj de la ĉaso, lia arko malstreĉita apud li, liaj hundoj spiregante ĉirkaŭ li! Sed ĉi tie mi devas sidi sola sur la roko de l'riverego trakreskita. La riverego kaj la ventego bruegas, mi ne aŭdas la voĉon de mia amato.

Kial hezitas mia Salgar? Ĉu li forgesis sian promeson? — Jen la roko kaj la arbo, kaj jen la muĝanta riverego! Kun la nokto ekanta vi promesis esti ĉi tie, ha kien perdiĝis Salgar mia? Kun vi mi volis forkuri, forlasi patron kaj fraton? La fieruloj! Delonge niaj familioj estas malamikoj, sed ni ne estas malamikoj, ho Salgar!

Silentu tempspacon, ho vento! silentu mallonge ho riverego! ke mia voĉo sonu tra la valo, ke mia migranto min aŭdu! Ho Salgar, mi estas, kiu vokas! Tie ĉi estas la arbo kaj la roko! Salgar! Amato! tie ĉi mi estas! kial vi hezitas veni?

Jen la luno aperas, la ondoj brilas en la valo, la rokoj staras grizaj supre de l'monteto; sed mi ne vidas lin sur la altaĵoj, liaj hundoj antaŭ li ne anoncas lian venon. Tie ĉi mi devas sidi sola.

Sed kiuj estas, kiuj tie sube kuŝas sur la herbejo? — Mia amato? mia frato? — Parolu, ho miaj amikoj! Ili ne respondas. Kiel timigita estas mia animo! — Ha ili estas mortintaj! Iliaj glavoj ruĝaj de la batalo! Ho mia frato, mia frato! kial vi batmortigis mian Salgar? Ho mia Salgar! kial vi batmortigis mian fraton? Vi estis ambaŭ al mi tiel karaj! Ho vi estis bela ĉe la monteto inter miloj! Li estis terura en la batalo! Respondu min! Aŭdu mian voĉon, miaj amatoj! Sed ha! ili estas mutaj! mutaj eterne! malvarma kiel la tero estas ilia brusto!

Ho de la roko de l'monteto, de la supraĵo de l'monto ventega parolu, spiritoj de l'mortintoj! parolu, mi ne timegos! — Kien vi iris ripozi? En kia tombo de l'monto mi trovos vin? — Nenian malfortan voĉon mi ekaŭdas en la vento, nenian vibrantan respondon en la ventego de l'monteto.

Mi sidas ĉagrenante, mi atendadas la matenon plorante. Fosu la tombon, vi amikoj de la mortintoj, sed ne fermu ĝin ĝis mi venos. Mia vivo foriĝas kiel sonĝo, kiel mi povus resti? Ĉi tie mi volas loĝi kun miaj amikoj apud la riverego de la sonanta roko. — Kiam noktiĝos sur la monteto kaj vento venos super la herbejon, mia animo staros en la vento kaj funebros la morton de miaj amikoj. La ĉasisto min aŭdos el sia laŭbo, timos mian voĉon kaj amos ĝin; ĉar dolĉa estos mia voĉo pri miaj amikoj; ili estis tiel karaj al mi!

Tio estis via kanto, ho Minona, ruĝetiĝanta filino de Thorman. Niaj larmoj fluis pro Colma kaj nia animo fariĝis malluma.

Ullin envenis kun la harpo kaj donis al ni la kanton de Alpin — la voĉo de Alpin estis afabla, la animo de Ryno fajra radio. Sed jam ili ripozas en la malvasta domo kaj ilia voĉo perdiĝis en Selma. Iam revenos Ullin de la ĉasado antaŭ ol mortfalos la herooj. Li aŭdis ilian vetkanton sur la monteto. Ilia kanto estis kvieta, sed malĝoja. Ili plendis la morton de Mora, de l'unua el la herooj. Lia animo estis kia l'animo de Fingal; lia glavo kia la glavo de Oskar. — Sed li mortfalis kaj lia patro ĝemadis kaj la okuloj de lia fratino estis plenaj de larmoj, la okuloj de Minona estis plenaj de larmoj, de la fratino de belega Morar. Ŝi reiris je la kanto de Ullin kiel la luno okcidente, kiu antaŭvidas la ventegon kaj kaŝas sian kapon en nubo. — Mi ludis la harpon kun Ullin je la kanto de l'ĝemo.

*Ryno.*

For estas vento kaj pluvo, la tagmezo estas serena, la nuboj disiĝas. Forkurante briligas la monteton la ŝanĝiĝema suno. Ruĝete fluas la riverego de l'monto en la valo. Dolĉa estas via murmuro, riverego, tamen pli dolĉa la voĉo, kiun mi aŭdas. Estas la voĉo de Alpin, kiu funebras la mortinton. Lia kapo estas klinita pro maljuneco kaj ruĝa lia okulo larmanta. Alpin! bonega kantisto! kial sola sur la silenta monteto? Kial vi ĝemas, kiel ventpuŝo en la arbaro, kiel ondo apud malproksima bordo?

*Alpin.*

Miaj larmoj, Ryno, estas por la mortinto, mia voĉo por la loĝantoj de la tombo. Gracia vi estas sur la monteto, bela inter la filoj de la herbejo! Sed vi mortos kiel Morar, kaj sidos sur via tombo la funebranto. La montetoj forgesos vin, via arko en la halo kuŝos malstreĉita.

Vi estis rapida, ho Morar, kia kapreolo sur la monteto, terura kia nokta fajro je la ĉielo. Via kolero estis ventego, via glavo en la batalo kiel fulmado sur la herbejo, via voĉo egalis la arbaran torenton post la pluvo, la tondron sur malproksimaj montetoj. Multaj falis per via brako, la flamo de via kolero konsumis ilin. Sed revenante de la milito, kiel paca estis via voĉo! Via vizaĝo estis simila al la suno post fulmotondro, simila al la luno en nokto silenta, trankvila via brusto kia la lago, kiam finiĝis la bruado de l'ventego.

Malvasta nun estas via loĝejo, malluma via restadejo! Per tri paŝoj mi mezuras vian tombon, ho vi, kiu antaŭe estis tiel granda! Kvar ŝtonoj kun muskaj suprajoj estas via sola memoro, senfolia arbo, longa herbo, kiu sin movetas en la vento, montras al la okulo de la ĉasisto la tombon de la potenca Morar. Neniun patrinon vi havas vin plorantan, neniun knabinon kun larmoj de l'amo; mortinta estas, kiu vin naskis, senviva la filino de Morglan.

Kiu sur sia bastono estas tiu? Kiu estas, kies hararo estas blanka pro maljuneco, kies okuloj ruĝaj de larmoj? — Estas via patro, ho Morar! la patro de neniu filo escepte vi. Li aŭdis pri via famo en la batalo, li aŭdis pri malamikoj dispelitaj, li aŭdis vian gloron. Ha! Nenio pri lia vundo? Ploru, patro de Morar! Ploru, sed via filo ne aŭdos vin. Profunda estas la dormo de l'mortintoj, malalta ilia kuseno de polvo. Neniam plu li atentos la voĉon, neniam li vekiĝos je via voko. Ho kiam fariĝos mateno en la tombo? diri al la dormetanto: Vekiĝu! *(Daŭrigota.)*

## KRONIKO

### AL NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko „Esperantismo“ speciale de la Delegitoj de UEA. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkafoje ilin resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al ĉiuj kunlaborantoj precizecon: ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), proksimuman nombron de ĉeestantoj ĉe kursoj aŭ paroladoj, la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj gazetoj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton. Plie, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al ni kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiu reklamo estas cetere tute utila. Senutile estas diri, ke ni poste danke ricevos raporton pri tiaj manifestadoj. Por esti enpresataj en la plej proksima nº, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevitaj de ni *antaŭ la 10. kaj 25. de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.* *La redakcio.*

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Dijon.* — Nova societo „Dijona Esperantista Asocio“. Ĝi estas Esperantia Asocio kaj la loka Del. de UEA laŭstatute estas komitatano. Celas, krom la instruado de Esperanto, ankaŭ interrilatigi siajn membrojn kun tutmondaj samideanoj (korespondado kolektado, enketado k. c.). Adreso: S-ro G. Lovrut, Sek. Café de la Poste, rue des Forges, Dijon.

*Montcenis* (Franc.). — Post publika parolado de S-ro Decouches, prez. de la Creusot'a grupo, fondiĝis nova grupo kun 40 anoj. — E. O. C.

**Novaj kursoj.** — *Canton* (Ĥinujo). — Du kursoj kun entute 110 anoj kaj unu por virinoj kun 10 anoj.

*Firenze* (Ital.). — Tri kursoj estas malfermotaj sub la aŭspicioj de UEA. — L. S.

*Genève* (Svis.). — Estas organizitaj du kursoi: Unu por komencantoj gvidata de S-ino Biske, la alia por progesintoj de S-ro Mallet.

*Montcenis* (Franc.). — Nova kurso malfermiĝis gvidata de S-ro Jaquet. — E. O. C.

*Paris.* — Senpagaj kursoj okazas ĉiuvespere en la nove malfermita Esp. Komerca kaj Industria Oficejo.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Kvina Belga Kongreso.* — La komitato de la Belga Esp. Ligo anoncas, ke la 5ª nacia kongreso okazos en *Spa* anstataŭ en Liége tiun ĉi jaron, la 11 kaj 12 majo. Tial ke la kongreso okazos ĝuste je Pentekosto, multe da aliaj ekskursistoj, same kiel ĉiujare, venos en Spa por 2 aŭ 3 tagoj kaj pro tio ni insiste petas ĉiujn partoprenontojn mendi de nun membrokarton, por ke la organiza komitato sciu precize la nombron. La kosto de la membrokarto estas 1 franko kaj de l'ĝenerala festmanĝo inkluzive duonbotelo da vino 3. 50 fr. La kongreskarto rajtigas partopreni la vesperfeston, ekskurson kaj viziton de kursalo, banejo k. t. p. La grupoj estas insiste petataj sin okupi pri la ĉeesto de siaj membroj en la kongreso.

De nun oni povas mendi provizoran membrokarton kaj sendi la monon por ĉambro kaj festeno al S-ro Jean Desonay, Place Verte 3, Spa. — B. E.

*Brita Esperanto-Kongreso.* — La sesa Brita Esperanto-Kongreso okazos en Eastbourne dum la Pentekosta libertempo. La Aganta Komitato esperas, ke la Sesa estos la plej notinda el la ses britaj kongresoj. La estraro de la urbo multe interesiĝas pri la vizito kaj jam promesis la belan Urbdomon kaj Municipalan Oficejon kiel kunvenejon, akceptejon k. t. p. La urbestro mem donos specialan akcepton al kvin cent esperantistoj kaj eminentuloj de la urbo, kaj multa intereso jam ekvidiĝas.

*Kvara Kataluna Kongreso* okazos la 10—12 majo 1913 kune kun la kongresoj de la Geronprovinca Esp. Ligo kaj de la katalunaj katolikaj Esperantistoj en *Olot.* La organiza komitato de la III. Literatura konkurso, samtempe okazanta, konsistas el S-roj Bourlet, Chavet, Coll, Gargunta, Gran kaj Menil. Multaj el la 55 grupoj kaj gravaj firmoj donacis monsumojn por valorigi la monan premion. Ankaŭ por la kvar ceteraj premioj oni multe ricevis. La urbestraro de Olot konsentis doni subvencion. — J. A.

*Aschaffenburg* (German.). — En la ĝenerala kunsido la Esp. Kl. reelektis la ĝisnunan estraron. Oni sendis dankleteron al D-ro Zamenhof kun la subskribo de ĉiuj anoj. — M. S.

*Berlin.* — La propaganda vespero aranĝita de la Esp. Gruparo, havis plenan sukceson. La ĉefan paroladon faris la prez. de GEA, S-ro Reinking. Poste sekvis paroladoj de P-ro D-ro Schmidt (Potsdam) kaj S-ro Reicher (Berlin). Multaj personoj sin enskribis por nova kurso. — G. E.

*Dresden.* — La „Postesperantistenverein Zamenhof“ festis la 16 Februaro sian fondiĝon per kantoj, deklamoj, parolado k. t. p.

La Orienta Grupo de Societo Esperanto Dresden festis lundon, la 17 februaro, la naskiĝtagon de sia prezidantino, S-ino Prof. Hankel. Diversaj kantoj, violonludoj, deklamoj k. t. p. multe ĝojigis la multajn ĉeestantojn; teatraĵo, verkita de S-ro D-ro Schulhof speciale por tiu ĉi vespero laŭ okazintaĵo el la vivo de S-ino Hankel. „Kio povas okazi“ finis la belan feston, kiu estis pruvo por la bona spirito, kiu regas en la rondo staranta sub la gvidado de nia S-ino Hankel. — J. K.

*Dresden.* — La 25 februaro okazis la unua ĉefkunsido de delegitoj de la loka Ligo. Estis elektataj: 1ª P.: S-ro Engst; VP.: S-ro Sykora. Oni priparolis la laborojn de la nuna agadjaro kaj fiksis la jaran kotizaĵon je 5 markoj po grupo. La fondiĝfesto de la Esp. Unuiĝo Zamenhof estis kontentige vizitata. Krom diversaj kantoj oni prezentis esp. komedion, kiu multe amuzis la ĉeestantojn. Balo finis la feston. — G. E.

*Frankfurt a. M.* — La 14 februaro okazis la jara kunveno de la Esperantista Grupo.

*Frankfurt a. M.* — Je Pasko okazos la komuna kunveno de la G. L. A. E. (Germana Laborista Asocio Esperantista). Dum la oficialaj kunsidoj oni nur parolos esperante ĉar oni atendas ankaŭ la viziton de eksterlandanoj. — Kr.

*Genève* (Svis.). — La 1 marto okazis festeto kun paroladoj kaj disdono de premioj al la lernantoj de la dua kurso; 100 ĉeestantoj.

*Leipzig.* — La 26 januaro la tieaj grupoj aranĝis komunan nuresperantan kunvenon, kiun vizitis ankaŭ samideanoj el Dresden, Chemnitz, Leisnig, Delitzsch, Wurzen kaj Merseburg. S-ro Schmiedeberg, el Delitzsch, faris la ĉefparoladon pri la Esp. organizoj, kiun sekvis vigla diskuto. Dum tiu kunveno same kiel dum la komuna manĝo kaj la posttagmeza festeto oni parolis nur Esp. kaj certe la celo de la aranĝo, certiĝi en la uzado de nia lingvo, estas plene atingita. — J. K.

*Lyon* (Franc.). — La Laborista Esp. Grupo organizos la 2 aprilo grandan propagandan feston. Gi konsistos el koncerto, loterio kaj parolado de S-ro C. A. Laisant, fama matematikisto kaj Dro de sciencoj. Du loteriaj biletoj po

25 ct. donos rajton ĉeesti la feston. La grupo estos danka al ĉiuj, kiuj bonvolos sendi al ĝi donacon por la loterio. Oni sin turnu al la sekretario S-ro M. Gouchon, 3, rue Paul Bert, Lyon. — M. S.

*Nossen* (German.). — La 25 januaro la grupo festis sian fondiĝon kun parolado de S-ro J. Karsch, Del. Dresden, pri la Oka kaj Krakovo, kun lumbildoj. Dancado finis la bone vizititan feston. — J. K.

*Olomouc* (Bohem.). — La 2 marto okazis amuza vespero aranĝita de la Bohema Klubo Esp., konsistanta el prologo, parolado, komedio kaj diversaj kantoj. — P.

*Philadelphia.* — La ĉiumonata barĉo kaj kvaronjara kunveno de la Esp. Societo okazis ĉe la Windsor Hotelo. Oni tie ĝuis teatran prezentajon de la anoj de la Norda Rondo; 30 ĉeestantoj. Tre favorajn notojn publikigis kelkaj lokaj gazetoj. — C. C.

*Pré-St-Gervais* (Franc.). — La 19 januaro granda festo por la datreveno de la grupfondiĝo. Ĉeestis 900 personoj. S-roj Rollet de l'Isle, Cart, la ĝenerala konsilanto kaj la urbestro prezidis. Sekvis bela koncerto kaj ni por la unua fojo ludis tre spritan komedion „Esperanto, kiel oni ĝin parolas" de S-roj Louis kaj Knopf, multe aplaŭditan. — G.K.

*St-Chamond.* — Esp. festo okazis la 16 februaro. Pli ol 60 samideanoj ĉeestis la vespermanĝon, koncerton kaj balon. — G.

*Toul.* — La jara tagmanĝo de la grupo okazis kun plena sukceso; ĉeestis anoj de la Nancy'a grupo. — L. G.

*Weinböhla* (German.). — En N° 137 ni pro preseraro diris, ke ĉe la tiea Esp. festo ĉeestis 800 personoj; oni devas legi 300. — O. S.

*Zaporoje-Kamienskoje* (Rus.). — La Esp. Societo aranĝis la 16 februaro kostuman dancvesperon kun koncerto. Granda rusa-esp. afiŝo ĝin diskonigis.

**Paroladoj.** — *Amiens* (Franc.). — Sub la aŭspicioj de E. S. F. I. O. sukcesa parolado pri Esp. kaj socialismo. 200 ĉeestantoj.

*Crimmitschau* (German.). — En propaganda kunveno aranĝita de S-ro Salzbrenner la 17 februaro, sukcese paroladis S-ro H. Bergsträsser; 50 ĉeestintoj. Kurso baldaŭ malfermiĝos. — F. S.

*Davos* (Svis.). — Parolado de S-ro v. Ehrenthal pri Esperanto kaj teozofio.

*Dresden.* — En la monata kunveno de Societo Esperanto S-ro K. Handrich, Del. en Hellerau, faris tre interesan paroladon pri la „Ĝardenurbo Hellerau apud Dresden", kiu vekis viglan intereson por tiu moderna fondaĵo. Ekspozicio de planoj kaj bildoj pri Hellerau helpis al la kompreno de la parolado. — J. K.

*Milano.* — La 14 februaro okazis en la granda salono de la liceo Beccana sukcesa parolado de S-ro Monti antaŭ pli ol 100 personoj. — V. C.

*Montcenis* (Franc.). — S-ro Decouches, prez. de la Creusot'a grupo, faris publikan paroladon en la urbdomo. — E. O. C.

*Schwanheim* (German.) — La 2 marto S-ro R. Kreutz, Sekr., Frankfurt a. M., per helpo de Stenografia unuiĝo Stolze-Schrey faris publikan paroladon. Ĉeestis 120 personoj. Oni tre interesiĝis por nia afero kaj verŝajne komenciĝos kurso. — Estas aranĝotaj publikaj paroladoj ankaŭ en aliaj urboj de la ĉirkaŭaĵo. Kr.

*Tetschen [Elbe]* (Aŭstrio). — La 16 februaro la tiea Del., F-ino H. Elbracht, aranĝis per helpo de Societo Esperanto Dresden en la granda salono de Hôtel Stadt Prag propagandan kunvenon. Pro la malsano de S-ro v. Frenckell, S-ro Karsch, Del. Dresden, devis fari la ĉefan paroladon; sekvis referato de S-ino Prof. Hankel pri „Esperanto kaj la virinoj" kaj „Esperanto kaj la arto", post kiam F-ino Zschepank per deklamo kaj F-ino Lehner per kantoj montris la aplikon de Esp. por la arto. Sekvis lumbildoj pri la Esperanto-kongresoj. Ĉeestis esperantistoj el Bodenbach, Rumburg, Böhmisch Kamnitz kaj multaj Dresdenanoj.

*Trieste.* — D-ro Ghez paroladis antaŭ 70 studentoj, kaj poste en la sidejo de la Esp. rondo pri Esperanto kaj poezio (Esperante). — G.

**Paroladvojaĝo pri Praha.** — La 17 februaro S-ro Pitlik paroladis en *Lyon,* en la Komerca Palaco, sub la aŭspicioj de la franca Turing-Klubo kaj sub la prezido de Prof. Cohendy, de la Jura Fakultato, kiu prezentis la paroladiston. La ĉambrego estis tute plena: pli ol 400 personoj. S-ro Poncet, Del., tradukis. Du efikojn havos la parolado de S-ro Pitlik. Ĉiuj Ĉeĥoj loĝantaj en Lyon, havis unuafoje okazon interkonatiĝi, kaj oni baldaŭ fondos Lyon'an Grupon de Amikeco Franco-Ĉeĥa. Plie multaj personoj enskribiĝis por la kursoj en la Esp. Hejmo, fondita de S-ino Farges. Okaze de tiu parolado, precipe estis favoraj la gazetoj Lyon Républicain, Progrès, Salut Public, Dépêche, Lyon Universitaire. En *Villeneuve-sur-Lot,* 20 februaro, ĉeestis 200 personoj, tradukis S-ro Gasc. La 21 februaro granda parolado en *Bordeaux,* ĉe la amfiteatro de l'Ateneo, sub la auspicioj de Geografia Komerca Societo; S-ro Gasc, el Villeneuve, tradukis. La sukceso estis tre granda; 800 ĉeestantoj. La diversaj gazetoj laŭde raportis. La 25, parolado en *Barcelona,* ĉe la Ateneo enciclopèdico; 200 ĉeestantoj; traduko ne estis bezona. La 1 marto S-ro Pitlik paroladis en *Teruel* antaŭ 300 personoj, tradukis S-ro Belenguer; la 2 marto en *Valencia,* 150 ĉeestantoj, D-ro Mustiels tradukis; la 4 marto en *Tarrasa* antaŭ 200 rigardantoj, sen traduko. S-ro Pitlik faris poste serion de paroladoj en Italujo: la 10 marto en *Sampierdarena,* 300 ĉeestantoj; D-ro Stromboli, la 11 marto en *Genova,* ĉe la popola universitato antaŭ 700 personoj kaj la 12 en *Voltri,* 300 personoj. Ĉe la tri paroladoj tradukis D-ro Stromboli. La adreso de S-ro Pitlik dum aprilo estas: Jansky vršek 3, Praha. En aprilo li travojaĝos Dan-, Sved- kaj Rusujon.

## ESPERANTISTA KALENDARO

*Marto* (22-23). — Kongreso de franca Societo por la propagando de Esperanto (S. f. p. E.) en *Toulouse.*

*Marto* (22-23). — Tago de la Germana Laborista Asocio en *Frankfurt a./M.*

*Majo* (11-12). — Dana Esperanto-Kongreso en *Aarhus.*

*Majo* (11-12). — Kongreso de la Federacio Esperantista de Bourgogne kaj Jura en *Auxerre.*

*Majo* (11-12). — Brita Esp.-Kongreso en *Eastbourne.*

*Majo* (11-12) — Aŭstria Esperanto-Tago en *Graz.*

*Majo* (11-12). — Belga Esperanto-Kongreso en *Spa.*

*Junio* (1). — Kongreso de la Nordfranca Esperantista Federacio en *Douai.*

*Junio* (1). — Tago de la Saksa Esperanto-Ligo en *Frankenberg.*

*Junio* (6-9). — Skota Esperanto-Kongreso en *Greenock.*

*Julio* (27). — Jara kunveno de la Nederlanda Esperantista Societo en *Hago.*

*Aŭgusto* (14-20). Esperantista Semajno-Kongreso en *Gent.*

*Aŭgusto* (19-21). — Germana Esperanto-Kongreso en *Stuttgart.*

*Aŭgusto* (24-31). — Naŭa Universala Kongreso de Esperanto kaj kvara kongreso de UEA en *Berno.*

## DIVERSAJOJ

.·. *Esperanto en Nederlando.* — Laŭ *Holanda Pioniro* la nombro de la Esperantaj grupoj en Nederlando atingis 55 kun 2031 membroj (en 1911: 36 grupoj kun 1500 membroj). Oni do konstatas senteblan progreson. Tre dezirinde estus, ke aliaj propagandaj societoj publikigu regule statistikajn informojn pri siaj grupoj kaj membroj.

.·. *Esperanto kaj komerco.* — La franca Esperantista Komerca kaj Industria Asocio fondis la 15 Januaro en Parizo Komercan Oficejon, 42, rue du Faubourg St-Martin (I. Passage Brady), en Parizo, kie estas konstante elmontrataj objektoj, prospektoj, katalogoj, komerckartoj, poŝtkartoj, broŝuroj libroj, k. t. p. rilatantaj al Esperanto. Ĉiuvespere okazos senpagaj kursoj de Esperanto, kaj ankaŭ kurso de stenografio aplikata al Esperanto (Prof. Soetens). P-ro Th. Cart, unu el la honoraj prezidantoj de la Asocio, faras ĉiudusemajne, de la 6 Februaro, superan kurson de Esperanto.

.·. *Esperanto ĉe la medicina kongreso.* — La XVIIa Internacia Medicina Kongreso okazos en Londono la 5—12 aŭgusto. Je tiu okazo TEKA intencas aranĝi specialan kunvenon de la ĉeestontaj Esperantistaj kuracistoj. La speciala komisiitaro, elektita por prizorgi la aranĝon de tiu kunveno, konsistas el S-roj D-roj G. Johnston, C. Fuller, E. Rotshschuh, Ŝidlovskij.

.·. *Esperanto en Ĥinujo.* — Ni ricevas la jenajn interesajn informojn pri la progresoj de Esperanto en Ĥinujo: „Ĥ. E. A. (Ĥina Republika Esperanto-Asocio) estas fondita en majo 1912. Komence ekzistis en la Centra-Oficejo nenio: nek presajo, nek eĉ unu plumingo, ĉion oni luis. Post kelkaj tagoj oni decidis unue funkciigi Esp. kurson, kiun partoprenis 67 anoj, kaj korespondan kurson, kiun gvidis S-ro K. Ĉ. Ŝan, redaktante memlernilon po kajeroj, kaj partoprenas entute pli ol 300 anoj ĝis nun. Ĉar multaj ĉi-tieuloj ankoraŭ ne scias, kio estas Esperanto, oni aranĝis publikan paroladon la 1 Junio, kiu jam plene sukcesis. Poste ankoraŭ ĉar alilokaj anoj ne scias, oni funkciigis organon en la ĉiutaga gazeto „Min Li Pao“ per speciala rubriko. De tiam nia Asocio fundamentiĝas kaj progresadas. Jen statistiko dum lastaj 8 monatoj:

| | |
|---|---|
| Komunikaĵoj ricevitaj | 2411 |
| „ senditaj | 3192 |
| Regionaj oficejoj | 11 |
| Esperantista Grupo | 1 |
| Membroj | 247 |
| Aprobantoj | 151 |
| Korespondaj kursanoj | 396 |

— K. Ĉ. Ŝ.

.·. *Esperanto kaj urbestraroj.* — La Grupo de *St-Etienne* (Francujo) ricevis de la urba konsilantaro monhelpon da 200 frankoj por daŭrigi la ĝisnunan publikan kurson de Esperanto. Jen bona ekzemplo por aliaj urboj. — G.

.·. *Ĉar oni ne akceptis Esperanton...* — Kunsido de la internacia fervoja transportkomitato okazis en Kopenhago la 3, 4 kaj 5 junio 1912. El raporto pri la pritraktoj oni trovas, ke unu el la diskutoj koncernis la praktike tre gravan demandon, kiu lingvo devas esti uzata por sciigi al sendinto, ke sendajo ne estas liverebla al adresato. Pri tiu ĉi temo franca administracio citis karakterizan okazon: Difektiĝema sendaĵo estis transportita el malgranda franca stacio en Germanujon, kaj la adresato rifuzis ricevi la sendaĵon. Pro tio la germana stacio sendis sciigon per germanlingva telegramo al la franca elsendstacio. Ĉe la elsendstacio oni tamen ne povis kompreni la germanan lingvon, kaj tial oni sendis la telegramon al la limstacio por traduko. Kaŭze de tiu ĉi malfruiĝo, la sendinto ne ricevis la sciigon antaŭ kiam la sendajo jam estis vendita de la adresstacio pro ĝia difektiĝemo. La tribunalo decidis, ke la fervojo kompensu al la sendinto per pago de la plena valoro de la sendaĵo, ĉar sciigo pri livermalhelpo ne estis ĝustatempe komunikita al li.

Oni ne bezonas komentariojn, ĉar nur unu konkludo ŝajnas ebla. — J. L.

## TRA LA GAZETARO

.·. *Lingvo Internacia* (febr.). *La fundamentoj de nia lingva sintenado:*

„... Esperanto ekzistas per si mem. Ĝi ne estas „kritiko“ de la naciaj lingvoj, kvankam ilin ĝi superas dank'al sia facileco. Sed se iam niaj gramatikoj fariĝus tiel dikaj, kiel la nacilingvaj, kaj niaj radikaroj tiel riĉaj kaj multvortaj, kian *praktikan* superecon ni do konservus?

Nia Esperanto estas antaŭ ĉio difinita por la modesta homaro, kiu estas la pli multnombra kaj ĝin nepre bezonas. Perdante tian indecon, ĝi perdus samtempe sian grava *socian* signifon, kaj, vere, sian ekzistkialon. Tute ne sufiĉas al ni, ke la internacia lingvo ludu en la estonta socio la rolon de la latina lingvo en la mezepoko inter kleruloj. Multe pli alten, pli vasten, pli profunden ni celas. Ne simple lingva aŭ scienca estas la demando — kvankam nur lingvo estas Esperanto — sed por ni esence *socia*. Jen kial ni timas kaj kontraŭbatalas ne la *naturan* progreson kaj evoluadon, sed ĉian artan — vere teorian kaj kontraŭnaturan — rapidan unu-nacian pliriĉigon, kaj restas senŝanceliĝe fidelaj al nia eĉ modesta, eĉ malriĉa, sed por *ĉiuj* homoj, por *ĉiuj* klasoj, por *ĉiuj* popoloj, kiel eble plej facilakirebla internacia fundamenta lingvo.“

.·. *Le Monde Esperantiste* (febr.). *La interna propagando* (P. Fruictier):

„... Laŭ la mia opinio, oni fariĝas esperantisto: 1e por kunlabori al la progresado de la homaro per disvastigado de tiuj ideoj, kiujn D-ro Zamenhof karakterizis per la nomo „interna ideo de l'Esperantismo“; 2e por tiri iun personan profiton de la lernado de la lingvo; 3e pro diversaj flankaj kaŭzoj, kiel ekzemple scivolemo, komplezo al amiko, imitemo, k. t. p.

Estas tuj evidente, unuavide, ke la varbitoj de la tria kategorio estas la malplej seriozaj kaj konstantaj: kiam ilia kaprico estas kontentigita, ili tiel facile forlasas nian movadon, kiel ili ekinteresis sin pri ĝi. Bedaŭrinde, inter niaj novaj varbitoj trovas sin ne malŝatinda kvanto da adeptoj de tiu kategorio kaj tio klarigas iamaniere, kial niaj perdoj estas tiel grandaj Ni ne povas eviti, precipe en la komenco, tiajn varbojn — kaj entute ili momente estas utilaj al nia afero per la bruo, kiun ili faras ĉirkaŭ si — sed ni devas nek havi konfidon en ili, nek serĉadi ilin, nek precipe senkuraĝiĝi, kiam ni vidas ilin forirantajn: tio estas la neevitebla „konfuza“ flanko de nia propaganda movado; ni ĝoju, se ili venas amase al ni, ni esperu, ke inter ili troviĝos ankaŭ seriozaj homoj, kiuj fariĝos vere fervoraj propagandistoj, sed ni ne maltrankviliĝu, se tiuj nove bakitaj adeptoj subite malaperas, kiel alvenas kaj foriras marfluo...“

.·. *La Revuo* (marto) zorge represas la cirkulerojn pri la Naŭa Kongreso, aperintajn en *Esperanto,* sed forigis la paragrafon, en kiu estas dirite, ke *Esperanto* estas la oficiala organo de la Naŭa.

.·. *L'Esperantiste Catholique* (jan.-febr.) anoncas, ke ĝi de nun aperos dumonate. Franca Katolika Ligo estas en fondado.

.·. *La Bulteno* estas nova duonmonata organo de Centra Komerca Oficejo, fondita en Charleroy. (Direkcio: 13, rue des Bouchers, Charleroy, Belgujo.)

.·. *Poŝta Esperantisto,* oficiala monata organo de *Ildepo* aperas nun presite; ĝi enhavas fakan kvarlingvan vortaron, fakan frazaron, artikolojn pri poŝto, telegrafo, telefono k. t. p. Senpage sendata al *Ildepo'anoj*. Kotizo: 1 Sm. Abonprezo: 1 Sm. (Direkcio: Maxstr. 22, Breslau.)

∴ Favoraj artikoloj aperis en: *Schlesisches Tageblatt* (16, 23 febr.), *Fränkischer Courier* Nürnberg (19 febr.), *Kölnische Volkszeitung* (22 febr.), *Deutsche Warte* (22 febr., 2 marto), *Selinger Zeitung* (20 febr.), *Wernigeroder Zeitung* (23 febr.), *Neuer Görlitzer Anzeiger* (23 febr.), *Rhätische Volkszeitung* (28 febr.), *Perä-Pohjolainen* (18 febr.), *Nylänlehti* (25, 27 febr.), *A União Social*, Rio (jan., febr.), *Le Cri du Peuple*, Amiens (23 febr.), *Arena, Adige, Verona Fedele*, Verona, *Il nuovo Giornale*, Firenze (2 marto), *La Semaine à Genève* (4 marto).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 12.875 |
| 40. D-ro F. Moser, Rüegsau (Svisujo) | 125 |
| 41. F-ino E. M. Bartholomew, Letchworth (Anglujo) | 250 |
| 42. C. Erie Barne, Brackley (Anglujo) | 125 |
| 43. J. Alksins, Riga | 125 |
| 44. D-ro Giesberg, Berlin | 125 |
| 45. F-ino Anna Grineva, Staroĉerkask (Rusujo) | 125 |
| 46. Norman Maclean, Aguilas (Hispanujo) | 125 |
| 47. J. Wilson, Leek (Anglujo) | 125 |
| 48. Ed. Privat, Petersfield (Anglujo) | 125 |
| 49. J. Bredall, Croydon (Anglujo) | 125 |
| 50. Rhodes Mariott, Ashton-on-Mersey (Anglujo) | 125 |
| Frankoj | 14.375 |

Entute (ĝis la 10 marto) 50 Garantiantoj mendintaj 115 atestojn, valoro 14.375 frankoj (5750 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Tuj poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 28 februaro estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 3893 kotizajoj (el kiuj 126 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 237; Laborista Fako: 13; Virina Fako: 38; Studenta Fako: 27.

**Statistiko.** — Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de UEA dum februaro 1913:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1210 | 1360 | 271 |

Tuta sumo: 2841. Antaŭa monato: 3258. Antaŭa jaro (sama monato): 5784.

**Balotado de la Delegitoj.** — Ni publikigas ĉi-sube la sesan liston de la balotoj de la Delegitoj. (Vidu la unuajn rezultatojn en *Esperanto* de 20 decembro, 20 januaro, 5, 20 februaro kaj 5 marto.)

En la suba tabelo la unua cifero, post la nomo de la regiono, montras la nombron de la membroj, la dua la nombron de voĉdonintoj. La substrekitaj nomoj montras la ĝisnunajn Delegitojn.

ASTRAĤAN. — 25; 16. — D: *J. A. Semizorov* 15 E; S. V. Sariĉev 1. — VD: *S. V. Sariĉev* 10 E; F-ino Sutirina 4; D. P. Dementjev 2.

BRESLAU. — 65; 20. — D: *G. Mahn* 20 E. — VD: S. Freund 20 E.

VALENCIA. — 42; 32. — D: R. Albiola 32 E. — VD: M. Caplliure 32 E.

En la ĝis nun okazintaj balotoj partoprenis 675 personoj el 2784.

En *Bad Reichenhall, Firenze, Glasgow, Narva, Nowoselo, Schweidnitz*, la balotado ne okazis pro nesufiĉa nombro de membroj.

En *Manchester* kaj *New-York* la balotado ne estas aranĝita, ĉar krom la ĝisnuna Del., neniu estis kandidato por la posteno de Del.

En *Kopenhag* kaj *San Sebastian* la balotado okazis, sed la nombro de la voĉoj ne estas komunikita.

El *Abbeville, Amsterdam, Annonay, Antverpeno, Auckland, Auerbach, Boston, Budapest, Burnley, Cape Town, Caracas, Cordoba, Detroit, Edinburgh, Esslingen, Gabrov, Gefle, Grenoble, Ĥarkov, Invercargill, Krakow, Krefeld, Kristiania, Lodz, Oakland, Petropolis, Pittsburg, Portsmouth, Radebeul, Rio, Samos, Sevilla, Stuttgart, Umanj, Worcester,* ni ne ricevis respondon, malgraŭ la sendo de speciala rememorigilo.

Laŭ la ĝisnunaj rezultatoj la balotado, kiu devis okazi en 124 regionoj posedantaj pli ol 20 membrojn dum 1912 povis regule okazi nur en 64 (ĉirkaŭ 50 %). En la regionoj, kie okazis la balotado, la proporcio de la voĉdonintoj rilate al la voĉdonrajtantoj estis 25 % (60 % en 1909).

Kun bedaŭro la C. O. de UEA konstatas, ke tro multaj Del., malgraŭ rememorigo, ne aranĝis la regulan balotadon kaj ne plenumis pri tio sian administran devon. La aranĝo de tiu balotado estis tamen tre simpla, ĉar sufiĉis, ke ĉiu Del. sendu al la membroj de sia regiono tute pretan cirkuleron kaj voĉdonilon, presitan de la C. O. de UEA. Ĝi ankaŭ bedaŭras, ke tiel multe da membroj, el kiuj estas sufiĉe multaj fervoraj Esperantistoj, sin detenas de partopreno je baloto, kiu okazas nur ĉiutrijare.

### Financoj.

Pro teknikaj kaŭzoj, de januaro **1913**, la librotenado de UEA estas farata laŭ la *Franka* sistemo, anstataŭ laŭ la Spesmila. Niaj konteltiroj estas do de nun publikigataj laŭ frankoj.

*Konteltiro de UEA por la monato januaro 1913:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 2606. 50 | Oficejo | 192. 50 |
| Subtenantoj | 197. 45 | Salajroj | 924. 40 |
| Entreprenoj | 233. 65 | Korespondado | 150. — |
| Jarlibro | 70. — | Ofic. Organo | 745. — |
| Adm. Enspezoj | 13. 35 | Materialo | 52. — |
| | | Presajoj | 68. 45 |
| | | Adm. Elspezoj | 9. 85 |
| | | | 2142. 20 |
| | | Saldo | 978. 75 |
| | 3120. 95 | | 3120. 95 |

*Konteltiro de UEA por la monato februaro 1913:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 1503. 15 | Oficejo | 89. 40 |
| Subtenantoj | 70. — | Salajroj | 640. 75 |
| Transporto . | 1573. 15 | | 730. 15 |

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Transporto . | 1573. 15 | | 730. 15 |
| Entreprenoj | 193. 90 | Korespondado | 140. — |
| Jarlibro | —. 50 | Materialo | 103. 55 |
| | | Presajoj | 31. 45 |
| | | Jarlibro | 501. 25 |
| | | Adm. Elspezoj | 6. — |
| | | | 1512. 40 |
| | | Saldo | 255. 15 |
| | 1767. 55 | | 1767. 55 |

**Novaj Delegitoj.**

*Eichstätt* (Germanujo, Bavarujo). — D.: Wolfgang Geiger, realinstruisto.

*Georgswalde* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: Johann Klinger, i. r. limdepagasistanto.

*Greifswald* (Germanujo, Pommern). — D.: Otto Rieck, poŝtinspektoro.

*Kristiania* (Norvegujo). — DD.: F-ino Josefine Finholdt, Akersbokken 25 c; VD.: O. B. Sletteröd, inĝeniero, Akers Meĥanika laborejo, Vokveien 3—5.

*Ludwigshafen a. Rh.* (Germanujo). — D.: Philipp Heim, komercisto, Maxstr. 84.

*Oschersleben* (Germanujo, prov. Saksujo). — D.: Otto Petzold, instruisto de reallernejo, Moltkestr. 7.

*Oxford* (Anglujo). — D.: Arthur T. Maling, 28, Oakthorp Road, Summertown.

*Port Elizabeth* (Suda Afriko). — D.: H. Lethbridge, komercisto, P. O. Box 528.

*Siena* (Italujo). — VD.: Giuseppe Pacelli, Istituto Tommaso Pendola.

*Sumy* (Rusujo, Ĥarkovskoj gub.). — D.: Aleksandr Zajcev, Dumskaja ul., dom Ĥomajko.

*Wisbech* (Anglujo, Cambridge). — D.: Aug. S. Stokes, pastro, Elm Vicarage.

**Ŝanĝoj.**

*Amsterdam* (Nederlando). — D.: (provizora) Petro Janssen, Nieuwendijk 183.

*Breslau* (Germanujo, Silezujo). — VD.: Sigmund Freund, Moritzstr. 50.

*Bruxelles* (Belgujo). — D.: Ed. Haine, instruisto, 1065, Chaussée de Mons; SD.: A. Richardson, 121, rue du Marais.

*Cannock* (Anglujo, Staffordsh.). — D.: A. J. Ashley, pastro, 58, Church Street.

*Impilahti* (Finlando, Karjala). — D.: Heikki Teukanen, instruisto, Wüpuri, Pahnlank, 4 asunto 19.

*Mittweida* (Germanujo, Saksujo). — D.: Otto Weikert, Altenburgerstr. 19.

*Oberhausen* (Germanujo, Rheinl.). — D.: Johannes Bettges, librotenisto, Falkensteinstr. 12.

*Prerov* (Aŭstrio, Moravio). — D.: Josef Krejĉirik, Lazenska 5.

*Rochdale* (Anglujo, Lancash.). — D.: Herbert Highley, farmaciisto, 9, Grandidge St.

**Eksiĝoj.**

*Rolle* (F-ino A. Schenk).

**Rimarko.**

*Astraĥan* (Rusujo). — Pro foresto de la Del. oni petu ĉiujn informojn de la Vicdel.: S. V. Sariĉev, kontoro Gubina Kjui.

**Esperantiaj Entreprenoj** (por la jaro 1913).

*(Daŭrigo.)*

223. *Moskvo*, Studenta Grupo Esperanto.
224. *Manchester*, Swiss Embroidery & Lace Mnfg. Co. Ltd., fabriko de maŝinbrodaĵoj.
225. *Nancy*, Daum frères, vendejo de vitraĵoj.
226. *Nancy*, Victor Berger, librejo.
227. *Nancy*, Esp. Grupo.
228. *Chicago*, Gradata Esp. Societo.
229. *Creil*, Esp. Grupo.
230. *Annonay*, Esp. Grupo.
231. *Lyon*, Esp. Klubo.
232. *Dresden*, Pensiono Seidel.
233. *Dresden*, Eugen Taurat, fabriko por argilaj florvazoj.
234. *Köln*, Hotel Bayrischer Hof.
235. *Bodenbach*, Esp Grupo.
236. *Bern*, Büchler & Ko., presejo.
237. *Bern*, Hotel St. Gotthard.
238. *Le Mans*, Esp. Grupo.
239. *Warrington*, Esp. Societo.
240. *Kopenhago*, Konversacia Esp. Klubo.
241. *Bremen*, Esp. Grupo.
242. *Newcastle on Tyne*, William M'Creight Brown, fruktimportisto.
243. *Berlin*, Esp. Societo „Merkur".
244. *Berlin*, Esp. Grupo Nordwest.
245. *Berlin*, Katolika Esp. Societo.
246. *Berlin*, Esperanto-Gruppe des Kaufmännischen Verbandes für weibliche Angestellte, e. V.
247. *Berchtesgaden*, Libervola sanitara societo.
248. *St-Parres-aux-Tertres*, Esp. Grupo.
249. *Le Creusot*, Federacio Esp. de Bourgogne kaj Jura.
250. *Le Creusot*, Esp. Grupo.
251. *St-Etienne*, Esp. Grupo.
252. *Rouen*, Esp. Grupo.
253. *Louviers*, Esp. Normanda Federacio.
254. *Hannover*, Esp. Grupo.
255. *Hannover*, Günther Wagner, inkfabrikoj.
256. *Hannover*, H. Bahlsen, biskvitfabriko.
257. *Hannover*, Pensiono „Hubertus" por junulinoj.
258. *Kaliŝ*, Esp. Societo „Lumo".
259. *Köln*, Esp. Societo 1906.
260. *Worcester*. Esp. Societo. *(Daŭrigota.)*

## PRAKTIKAJ DEMANDOJ

III

5. *Rolo de la Distrikta Delegito.* Antaŭ tri jaroj estis kreata la posteno de Distrikta Delegito (D. D.) por respondi al bezono, klare montrita de la praktiko. Jam dufoje Distriktaj Delegitoj estas elektitaj. Ni mallonge ekzamenu, kia estas ilia rolo kaj kiamaniere ili plenumis ĝin. La D. D., oni scias, ne havas administran taskon, sed precipe propagandan kaj reprezentan rolon. Tial, necese estas, ke li estu homo bone konanta la Esperantan movadon de sia distrikto, havanta sufiĉan sperton pri nia afero, kaj samtempe ne implikata en lokaj malkonsentetoj. Li devas havi moralan aŭtoritatecon, senpartiecon kaj iniciatemon.

Ni diris, ke lia rolo estas precipe propaganda kaj reprezenta. Tion facile ilustros kelkaj ekzemploj.

La D. D. devas unue klopodi por enpenetrigi UEA en la lokojn, kie ĝi ne ankoraŭ estas konata, kaj speciale varbi novajn Delegitojn. Tion li, plej ofte, povas fari pli facile, ol la Centra Oficejo de UEA, ĉar li konas la lokajn cirkonstancojn kaj la personojn. Li ankaŭ povas pli oportune informiĝi pri ili kaj rilati kun tiuj novaj Delegitoj. Tiu tasko estas pli grava, ol ĝi ŝajnas. Se ĝin bone plenumus ĉiuj D. D., la nombro de niaj Delegitoj estus certe pli granda — kaj sekve ankaŭ la nombro de niaj membroj. Se la D. D. estas en bonaj rilatoj kun la estro de la Esperantista distrikta societo — nacia societo, provinca ligo aŭ federacio — kiel estas tre necese, li facile scios pri la novaj fonditaj grupoj,

inter kies iniciatintaro li povos elekti Delegiton. Tiel, en ĉiu loko, kiu fariĝas nova fokuso de Esperantismo, de la komenco troviĝos Delegito por envicigi en UEA la personojn atingitajn de la Esperanta propagando.

Sed elekti novajn Delegitojn estas nur la unua paŝo. Oni devas kontroli ilian laboron, helpi ilin, rilatigi ilin kun la pli malnovaj kolegoj. Tio ĝuste estas alia parto de la tasko de bona D. D. Li devas kiel eble plej ofte interrilati kun la diversaj Delegitoj de sia distrikto. Pro financaj malfaciläjoj, oni ne povas postuli, ke la D. D. vizitu ilin regule, sed li almenaŭ povas korespondi kun ili, doni al ili konsilojn pri ilia agado, uzante la fruktojn de sia sperto. Tiun taskon ofte ne povas plenumi la C. O. de UEA, pro manko de tempo kaj nesufiĉa kono de la enlandaj kondiĉoj. En tiu rilato la D. D. povas utile labori. La starigo de rondiranta kajero inter la diversaj Delegitoj estas utila por plifaciligi la interŝanĝadon de ideoj kaj interkonatiĝon. Ne estas necese, ke tiuj kajeroj funkciu konstante. Du rondiroj en unu jaro sufiĉas, ekz. unu ĉe la rekomenco de la Esperanta jaragado, alia antaŭ la distrikta kunveno. Kelkaj D. D. plendis, ke kelkaj Delegitoj tro longe konservas tiun kajeron kaj per tio malfaciligas ĝian funkciadon. Tiuokaze ni konsilas al la D. D., ke li rondirigu ĝin nur inter la Delegitoj, kiuj formale esprimis la deziron ĝin ricevi kaj firme promesis forsendi ĝin en la fiksita tempolimo. En la rondirantaj kajeroj estas priparoleblaj ĉiuj demandoj rilataj al la Distrikta agado, kiel aranĝo de la distrikta kunveno, elekto de novaj Delegitoj, propagando, komuniko de reciprokaj spertoj, k. t. p.

La D. D. mem elektas la demandojn diskutotajn, prezentas ilin, kaj laŭ la esprimitaj opinioj alprenas decidon. Ni insistas pri tio, ke la demandoj diskutataj en la rondirantaj kajeroj devas esti precize formulataj kaj celi ian praktikan rezultaton. Se ne, ili nur estus loko por teoriaj diskutoj tre ĝeneralaj kaj plej ofte senutilaj.

Same kiel la D. D. devas interrilati kun la Delegitoj, li devas ofte komuniki kun la C. O. de UEA. Almenaŭ dufoje en la jaro li sendu koncizan raporton pri la ĝenerala stato de la Asocio en sia distrikto, kaj en la diversaj lokoj, laŭ la komunikoj de la Delegitoj, la efektivigitaj progresoj, la konstatitaj mankoj kaj regresoj, kun proponoj kaj konsiloj por plibonigi la situacion, kie ĝi bezonas plibonigon. Tiamaniere ni havus klaran bildon pri la morala stato de UEA kaj per la komparado de tiuj raportoj povus konstati je kiuj punktoj nia organizo havas mankojn kaj en kia direkto ni devas unue koncentrigi nian penadon.

*(Daŭrigota).* *H. H.*

# Esperantia Parolejo

## Oni proponas!

∴ S-ro *J. Alksnis*, Esp-iano en Riga, proponas, ke en la oficialaj eldonaĵoj de UEA oni forigu la titolon „fraŭlino" kiel „senbezonan kaj nedemokratan" kaj uzu „sinjorino". „...Ankaŭ „fraŭlino" ja estas „sinjorino" kaj por UEA estas indiferenta cirkonstanco ĉu la „sinjorino" estas edziĝinta aŭ ne. De demokrata vidpunkto tia titolado povas esti eĉ nedeca — por la sinjoroj ja oni neniam uzas la titolon „fraŭlo"..."

[Respondo: La diferenco inter „fraŭlino" kaj „sinjorino" estas signata en ĉiuj lingvoj; ĝi respondas al kutimo profunde enradikiĝinta. Por ĝin forigi oni devus ŝanĝi la morojn. Tio ne estas nia tasko. Plie, eĉ se ni volus, ni verŝajne plene malsukcesus. — Dir.].

## Oni laŭdas!

∴ S-ro *G. Kleist*, Esp-iano el Königsberg, dankas S-ron Szabuniewicz, Del. en Moskvo, dank'al kies pereco li ricevis oficon kaj povis facile enloĝiĝi. Li ankaŭ dankas S-ron Buŝujev, Vicdel. en Moskvo.

∴ S-ro *Crébely*, Del. en Moulin-Rouge, dankas S-rojn Richard, Del. en Chalon, Drudin, eks-Vicdel. en Lyon, kaj Gouchon, laborkonsulon en Lyon, pro malfacile haveblaj informoj pri laboristaj kondiĉoj ĉe ludistoj en tiuj urboj.

∴ S-ino *J. Supichova*, Esp-ianino en Praha, instruistino, dankas S-ron Camescasse, Del. en Paris, pro liaj afablaj servoj donitaj pri lia sukcesplena Inicilo Matematika.

∴ S-ro *M. Salzmann*, Esp-iano en Lodz, kore dankas S-ron Slivka, Del. en Gleiwitz, S-ron Mahn, Del. en Breslau kaj S-ron Behrendt, Prez. de Ildepo, pro grava helpo dum vojaĝo.

∴ S-ro *R. Kreutz*, Esp-iano el Frankfurt a/M. dankas S-ron T. Matsuda, Del. en Shikigun, por farita traduko el japana lingvo.

# Esperantia Vivo

**Naskiĝo.** — Al S-ro J. Pi, Esp-iano en Frankfurt a/M. naskiĝis filo.

**Mortoj.** — La 25 februaro mortis en St-Chamond (Francujo) F-ino Marie Raffard, vicprezidantino de la Esp. grupo. Ŝi estis unu el la unuaj kaj plej sindonemaj Esperantistoj de la tuta regiono.

G.

— El Wien oni anoncas la morton de S-ro Karlo Machaček, fondinto kaj unua prezidinto de la Bohema Klubo Esp. de Wien, kaj fervora Esperantisto.

# Alvokoj

## Verko pri Siberio

En nia granda esperanta literaturo mankas, kiel mi rimarkis, verkaĵoj kiuj konatigas pri la vivo de tia aŭ alia lando. Ekz. nenio estas presita pri nia Siberio — „lando de estonteco". Jen kial mi decidis eldoni kelkajn volumojn pri Siberio, kie estos presitaj plej diversaj artikoloj (originale verkitaj de mi esperante kaj tradukaĵoj de diversaj artikoloj ĉu el libroj kaj siberiaj gazetoj, ĉu speciale ruse verkitaj por miaj volumoj de miaj amikoj): felietonoj, rakontoj, skizoj, priskriboj el moroj kaj vivo de siberianoj kaj diversaj nomadoj, sciencaj artikoloj pri Siberio; unuvorte — la materialo estos sufiĉe diversa, sed ĉia artikolo vin konatigos pri Siberio. Ambaŭ volumoj estos ilustritaj bele. Mi ne havas monon por baldaŭ eldoni la 1a vol.; tial mi anoncas, ke manuskriptojn por 1a vol. (ili estas jam pretaj) mi vendas po 150 Sm.: la aĉetinto povas presi ilin, traduki nacien k. t. p.; per ricevita mono mi eldonos la 2a vol. en Peterburgo. Se neniu aĉetos la eldonon de 1a vol. mi mem ĝin eldonos, sed mi petas tutmondan samideanaron helpi al mi, mendante mian volumon (la tuta prezo ankoraŭ ne estas fiksita), sendante la antaŭpagon po 1 Sm. al mi laŭ mia adreso: „Krasnij-Jar; Zabajkala Oblast, Siberio, al pastro Seriŝev". Kredu al mi: mi ne trompos vin. Pastro *Im. Seriŝev*, Del.

## Korespondado

Ĉiulandaj laboristoj, sindikatanoj, socialistoj petu korespondantojn de S-ro Grézely, Métaux, Bourse du Travail, *Marseille*.

Ĉiulandaj instruistoj, edukamantoj, filozofiemuloj petu korespondantojn de S-ro Giraud, 2, rue du Nil 2me, *Marseille*.

Ĉiulandaj korespondemuloj, gimnazianoj, ĉialernejanoj petu korespondantojn de S-ro Giraud, 2, rue du Nil 2me, *Marseille*.

## Muzika konkurso

La 15, 16, 17 Aŭgusto okazos en Rouen (Francujo) granda internacia muzika konkurso; la samideanoj, kiuj intencas ĝin viziti, estos kore akceptataj de la Rouenaj grupanoj.

Pri detalaj informoj sin turni al S-ro Etard, Del. en Rouen.

## Gvidlibro Weinböhla

Weinböhla eldonis gvidlibron parte en Esperanto kaj prospekton nur en Esperanto. Iu sinjoro ja protestis kontraŭ tio dirante, ke tio estus granda sensencaĵo kaj tute ne havus valoron por la loko. Do provu, gesamideanoj, ke do la afero estas alia. Petu la senpagan alsendon de la bele ilustrita prospekto kaj skribu al la magistrata domo (Rathaus), Weinböhla-Dresden (Germanujo).

*A. Schramm.*

## Internacia enketo pri profesoraj salajroj

S-ro Bord, Del. en Beaune (Francujo) dankas la Delegitojn de UEA en Kiŝinev, Rotterdam, Evora, kiuj *senprokraste* sendis utilajn gravajn raportojn. Ankaŭ li dankas la delegitojn de Prague, Vienne, Bologne, Köge, Stokholm, Bukarest, Szamosujvar, kiuj afable sciigis, ke ili sendos *baldaŭ* raporton. Fine li insiste petas la delegitojn de Krakow, Enisejsk, Oreuse, Hiraklio, Kristiania, Ploesti, Budapest, Shangai, sendi respondon al sia demandaro.

## Demandaro

S-ro Bord, Del. *Beaune*, esperas, ke lia demandaro bone atingis la delegitojn de UEA en *Wien, Krakow, Enisejsk, Kiŝinev, Oreuse, Kopenhag* (Köge), *Hiraklio, Kristiania, Evora, Ploesti, Budapest, Stokholm, Shangai.* Li atendas la respondon.

---

# REKLAMO

### KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AARHUS (Danujo). — S-ro C. A. Hvorslev, instruisto, Tröjborgvej 32, PM. PI.

AIDIN (Turkujo). — F-ino Rebeca Grasia Saragossi et Co. (ne sendas unue).

AMSTERDAM (Nederlando). — F-ino L. Kruisbrink, Keizersgracht 82, PI. L.

AUGSBURG (Germanujo, Bavarujo). — S-ro Hubert Zauner, Fuggerstr. 5 a II, PM. PI. L. (kun ĉiuj landoj).

BILBAO (Hispanujo). — S-ro D. Albert, Heros 24.

BRUSELO (Belgujo). — S-ro Barono Hervé de Viron, Château d'Eleghem, Dilbeck, PI. bfl. PM.

BUDAPEST (Hungarujo). — F-ino Jeli Soos, Jozsef-körut 82. 1. 2., L. PI.

CLEVELAND (Usono, Ohio) — S-ro Stanley Kozminski, 3422 Seymour Ave.

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI. PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DIJON (Francujo. — S-ro H. Hériot, 7, rue Victor Hugo, PI.

DRESDEN (Germanujo). — S-ro Walter Zickler, seminariisto, Sebnitzstr. 10, PI. L. (kun alilanduloj).

DUESSELDORF (Germanujo). — S-ro Hermann Leipelt, Birkenstr. 36/I, I.

HRONOV (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaroslav Turek, PK. PI. PM.

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Oldrich Pav, studento, Prazs. predm. 33.

KAMENJ-RYBOLOV (Rusujo). — S-ro Aleksandro Pagirev, vilaĝanestro, PI. PM. bfl. (kun ĉiulandaj samideanoj escepte rusaj, aŭstriaj, hungaraj, francaj, germanaj kaj hispanaj).

MINNEWAUKAN (Usono, North Dakota)). — S-ro Fred Rognlie, belaj PI., portretoj.

MOĴAJSK (Rusujo, Mosva gub.). — S-ro Nikolao Rumjancev, L. PI.

MONTBÉLIARD (Francujo, Doubs). — S-ro Charles Damade, rue Louis Pardonnet, PI. (kun ĉiuj landoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ino Rispolojenska, Selsko hoziaistven institut, Razumovskvir, PI. (kun ĉefurbanoj kaj neeŭropanoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ino L. Jakovleva, Ŝabolovka 17.

NARVA (Rusujo, Estlando). — F-ino Pauline Hiina, 18-jara, Nova Petroskia Forstad, Palŝaja Krengolmskia Prospekd, domo 394, loĝ. 6, PI. portretoj, PM. malnovaj (sendos kolekton da rusaj jubileaj PM. uzitaj).

NIEDERGRUND, B. N. B. (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ferdinand Richter, No 238—300, PI.

OBERGRUND, B. N. B. (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Julio Pazelt, ĉefstrato 167, PI. (kun ĉiuj landoj).

OREL (Ruslando). — S-ro Boris Popov, Ĉerkasskaja 27, PM. Sigelmarkoj, L. (kun filatelistoj).

OVERBROOK (Usono, Pa.) — S-ro C. Wayne Vogdes, St. Charles Seminary, PI.

PARIS (Francujo). — S-ro René Pitois, 158, rue de Ménilmontant, PI. (kun ĉiuj landoj).

PASADENA (Usono, Californio). — S-ro J. B. Vreeland, 515, E. Colorado Str., L. kun socialistoj; PI. kun ĉiuj landoj.

PRAHA (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Bohumil Holan, Rybni ul. 18, PI. bfl. PM.

PRAHA II (Aŭstrio, Bohemujo). — F-ino Julie Ŝupichovà, instruistino, Jeĉna 36, nur gaz. nacilingvajn eĉ esp.; vidaĵojn de ĉefurboj el tuta mondo.

RYLSK (Rusujo, Kursk gub.) — S-ro Rozenkeviĉ, gimnazio (kun ĉiuj landoj).

RYLSK (Rusujo, Kursk gub.) — S-ro Barcikovski, Repinska str.

TRIESTE (Aŭstrio). — S-ro Dominiko Lenger, via Stadion 12/IV, PI.

WARNSDORF (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Josef Müller, Hauptbahnhof, PI. L. PM.

WARNSDORF (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Franz Kaulich, VII. 1068. PI.

WEINBÖHLA-DRESDEN (Germanujo, Saksujo). — S-ro Arthur Sohrmann, instruisto (kun gesamideanoj el Varsovio, Turkujo, Grekujo kaj ekstereŭropaj landoj, tre volonte kun kolegoj). L. PI.

WIEN II (Aŭstrio). — S-ro Ladislav Ĉemus, Haidingerstrasse 27/II—29, PI.

WISLA (Aŭstrio, Silezio). — S-ro Pilch, PI. L.

ZOLOTONOŜA (Rusujo, Polt. gub.). — S-ro Aleks. Popoviĉ, Moskovast. No 6 (kun balkananoj, svedoj, svisoj kaj neeŭropanoj).

### PETOJ KAJ PROPONOJ

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTIO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* (Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Postulu* senpagan esperantan prezaron al *J. Pion-Muller,* 21, rue de Lorrraine, *Baune,* Côte-d'Or, Franclando.

FIANĈIĜO. — Per tio F-ino *Hulda Boberg* kaj S-ro *A. K. Örn,* Vicd. de UEA, Gefle Svedujo, anoncas sian fianĉiĝon.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso: Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

LABOREMA KAJ INSTRUITA 25-JARA JUNULO, nuntempe en nedaŭra okupo ĉe Austria fervojo, serĉas daŭrantan oficon en

ia komerca, konstrua aŭ fervoja entrepreno. Li vizitis 4 klasojn de mezlernejo kaj estis suboficiro. Posedas kelkjaran praktikon pri administra fako, librotenado kaj fervojaj aferoj. Scias germanan, ĉeĥan kaj esperantan lingvojn parole kaj skribe. Proponojn sendu al S-ro *Ad. Klein*, en: *Wischaŭ* (Moravio, Aŭstrio, Eŭropo).

PERSAJ FOTOGRAFAĴOJ. — Ĉu vi deziras havi belajn fotografaĵojn el Persujo? Turnu vin al mi! Mi sendos al vi albumon entenantan 100 belajn fotografaĵojn sur bonega papero laŭ mezuro 9 : 12, montrantajn vidaĵojn, tipojn, ĉiutagan vivmanieron de persoj k. t. p. Esperanta klarigo sub ĉiu bildo. Prezo afrankite 30 Sm. — sendota al mi per ĉekoj sur Londono aŭ per la ĉekoj de Ĉekbanko Esperantista. — *A. Derhovhannisjanc*, Del. UEA, Banque Imp. de Perse-*Tabriz* (Persujo).